2.ª Ep. AÑO X N.º 57 (193) SEPTIEMBRE - OCTUBRE 1972 EXTRAORDINARIO




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO




# XXXIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Grupo de kongresanoj
dum la vizito al la urbo

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.ª
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.ª
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20

Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banko Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Hispana Esperanto-Federacio
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.° desp. 7
MADRID-8

Sendaĵoj pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª
BARCELONA-14

Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de Secretaría

Cursos de Esperanto
por Correspondencia
de la
Federación Española de Esperanto
Centro Autorizado por el Ministerio
de Educación y Ciencia
con el número 68
C. Forn, 21 - MOYA (Barcelona)

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1972

| | |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... | 3.792 ptas. |
| Rafael Blanes (Alcoy) ... ... ... ... ... | 50 » |
| Juan Sala (Sabadell) ... ... ... ... ... ... | 100 » |
| A. Ribeiro da Cruz (Portugal) ... ... | 60 » |
| Fernando Costa (Portugal) ... ... ... | 80 » |
| Salvador Arnella (Parets del Vallés) . | 1.000 » |
| Sacramento Collado (Sama de Langreo) | 15 » |
| Esperanto-Klubo Payá (Mislata) . ... | 665 » |
| Vicentita, 10; Ana, 10; Pilar, 10; Josefa, 10; Amparito, 10; Margarita, 10; Natalia, 10; Delfina, 10; Juanita, 10; Gertru, 10; Ramonet, 10; María, 10; Juanito, 15; Elena, 10; Vicen, 10; Rosita, 10; Carmen, 10; Forés (elec.), 25; Maroto, 15; Santos, 10; Alfredo, 5; Catalá, 5; Antonio, 10; Giménez, 25; Félix, 25; Lozano, 25; Forés, 25; Torregrosa, 10; Ruz, 25; Albero, 15; Alcantarilla, 15; Enriquito, 20; Vicente, 15; Modesto, 25; Mateu, 25; José 25; Roberto, 100; Ruiz, 10; Joel, 10; Felipe, 15; Ballester, 10. | |
| X . . . . . . . . . . . . . . . | 25 » |
| *Total* ... ... ... ... ... ... ... ... | 5.787 » |

## KLARIGO

Post apero en BOLETIN, n.° 55 (191) de la poemo "La cigana bubo en la nordo", en traduko de F.R. Banham, mi ricevis leteron de nia samideano S-ro Herbert Knauft, de Stuttgart (Germanujo), kiu afable informas min pri la nomo de la poeto aŭtoro de la poemo.

La nomo de la germana poeto (1815-1884), estas Emanuel Geibel, anstataŭ Giebel, kiel erare aperas en BOLETIN.

Mi dankas al S-ro Knauft la informon kaj volonte klarigas la eraron.

*I. Gastón*

## Ni kondolencas

# S-rino Pilar Rebullida de Sancho Izquierdo

Membro de la O. T. de Sankta Francisko
forpasis en Jaca la 31-an de aŭgusto 1972
Pacan ripozon al ŝi!

Kun profunda bedaŭro mi informas pri la subita forpaso de nia altestimata samideanino Ekscelenca Moŝto S-rino Pilar Rebullida de Sancho Izquierdo. Ĉar nenio antaŭvidigis tiun malfeliĉan okazaĵon, la sciigo pri ŝia forpaso forte kortuŝis ĉiujn personojn, kiuj ŝin konis.

Nia forpasinta samideanino estis personigo de simpatio, afableco kaj sindonemo, sed, super ĉio, ŝi estis, simple, virta persono de eksterordinara kapablo, kiun ŝi dediĉis al la bonfarado, ĉar ŝi bone sciis ke la amon konsistigas la sindono al la aliaj.

De kiam ŝi konis Esperanton pere de sia edzo, ŝi sin sentis tuŝita de la interna ideo de nia internacia lingvo kaj ŝi estis vera pioniro de nia nobla idealo, diskonigante la lingvon en plej diversaj medioj.

Por ŝia edzo, Ekscelenca Moŝto Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo; ŝiaj gefiloj kaj genepoj, inter kiuj kelkaj bonaj esperantistoj, nian plej sinceran kondolencon, ankaŭ nome de Hispana Esperanto-Federacio.

---

## Funebro en Sabadell

# Ferdinando González Guardiola

La 22-an de junio estingiĝis la vivo-flamo de nia samideano kaj kora amiko Ferdinando González Guardiola. Lia korpo, el tero, revenis al la tero. Li plu vivos en nia memoro dum niaj koroj batos, kaj poste... Poste —se la teknikisma materialismo ne degenerigos la homaron al kruda besteco; se la torĉo de humanismo, nun flagrigata de ŝtormo, ne mallumiĝos; se amo al la homa speco, kaj al belo kaj al bono anstataŭos la frenezan egoismon—, dum por pli feliĉaj generacioj brilos kiel steloj la memoro de Zamenhof kaj de la grandaj humanistoj, la spirito de Ferdinando González ŝvebos en la aeroceano, super la homaro, kiel nevidebla, sennoma, feliĉoporta ero en la universa harmonio. Ĉar —homo de konscia boneco— li sopiris je homaro intelekte kulturita kaj kore pura, kaj estis nur la "interna (humanisma) ideo" de Zamenhof, pri kiu jam oni apenaŭ parolas, kio kondukis lin al nia movado. Esperanto ne estis por li hobio nek distraĵo, kaj lian agadon neniam impulsis vanta parademo.

Sed, ho ve!, la vivo ne indulgas la idealistojn, kaj la morto ne konsideras la ligilojn de amikeco naskiĝinta el plena komuneco de sentoj kaj pensoj. Li forpasis! Ni esprimas al liaj familianoj nian kondolencon kun malĝoja koro.

L. MIMÓ.

# XXXIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Kiel programite, okazis la XXXIIª Hispana Kongreso de Esperanto en Vigo.

Krom la laborkunsidoj kaj kulturaj aranĝoj, la Loka Kongresa Komitato organizis tre allogan programon per kiu konigis al ni la belecon de tiu interesa urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, kaj ĝiajn interesajn morojn; por tio multe helpis la simpatio de la viganoj, de la galegoj, kiuj tre gasteme akceptis la kongresanojn, kaj la urbaj ĵurnaloj kaj radiostacioj, kiuj ĉiutage raportis pri la Kongeso.

Preskaŭ 400 gesamideanoj el diversaj regionoj de nia lando kunvenis en Vigo de la 20ª ĝis la 25ª de julio por partopreni en la Jara Kunveno de la Hispana Esperanto-Federacio, la plej grava esperantista evento en nia lando; kune kun la hispanaj esperantistoj ĝin partoprenis francaj kaj portugalaj samideanoj, kiuj per sia ĉeesto kaj kunvivado reliefigis la valoron de la Internacia Lingvo antaŭ la okuloj de la ne esperantista publiko.

La 20-an posttagmeze, la Loka Kongresa Komitato jam estis preta akcepti la alvenantojn al la grava asocio "Centro Mercantil e Industrial", kiu, pro afabla decido de ĝia Estraro, rolis kiel Kongresejo.

Facile estis por ĉiuj lokalizi la Kongresejon, lokitan en unu el la plej centraj stratoj de la urbo. En la ĉefa balkono de la "Centro Mercantil e Industrial", la esperantista flago flirtis en la aero de Vigo.

En la ampleksa halo estis la akceptejo, kie la gejunuloj deĵoris por ekliveri la dokumentojn, noti enskribojn por la ekskursoj kaj vizitoj, prizorgi la libroservon kaj informi pri diversaj eroj.

Por ke niaj legantoj pli bone povu sekvi la disvolviĝon de la Kongreso, mi raportos pri ĝi tagon post tago.

*Ĵaŭdon, la 20-an*

Je la 19,30-a, en la granda salono de la "Centro Mercantil e Industrial" la kongresanoj estis akceptitaj kaj regalitaj de la Estraro de la Asocio. Alparo-



La gekongresanoj ĉe la pordo de la Colegiata Santa María de Vigo.



**Dun la malfermo de la Kongreso**

lis al la kongresanoj kaj bonvenigis ilin la prestiĝa Prezidanto de la Asocio S-ro Camilo Veiga Prego, kiu siatempe akceptis la Honoran Prezidantecon de la Loka Kongresa Komitato kaj praktike de la Kongreso.

Nome de la kongresanoj respondis la Sekretario de H.E.F., S-ro Manuel Figuerola Palomo.

La Interkona Vespero disvolviĝis en plej agrabla etoso, dum ĝi oni tostis por la sukceso de la Kongreso, kaj de la Esperanto-movado.

*Vendredon, la 21-an*

Je la 10,30-a ni ĉiuj kolektiĝis en la "Colegiata" (kanonika preĝejo) "Sankta Maria de Vigo" por partopreni en la Meso en Esperanto. Oficis kaj predikis en la Internacia Lingvo Pastro Manuel González, Kapelano de la urba hospitalo de Vigo, kaj nova esperantisto.

Je la 11,30-a okazis la Solena Malfermo de la Kongreso en la Aŭditorio de la Urba Ŝparkaso de Vigo. Ĉe la Prezida tablo, la Vicurbestro S-ro Massó; la Ĉefkomandanto de Vigo, Generalo don Luis Sánchez Sáez; la Loka Estro de la Movado, S-ro Garabatos González; la Prezidanto de Hispana Esperanto - Federacio, S-ro Figuerola Auque; la Prezidanto de la Organiza Komitato de la Kongreso, S-ro Moreira Lorenzo kaj la Honora Prezidanto, S-ro Veiga Prego. Kiel Sekretario funkciis, la Sekretario de H.E.F., S-ro Figuerola Palomo.

Per sia karakteriza parolflueco kaj simpatio, la Prezidanto de la Kongresa Komitato, S-ro Arturo Moreira Lorenzo prezentas la signifon de nia movado kaj bonvenigas la kongresanojn dezirante bonan restadon en Vigo kaj sukcesan Kongreson.

La Sekretario de H.E.F. legis kelkajn ricevitajn salutojn; sekvis la salutoj de eksterlandaj samideanoj; de la Ĉefdelegito de U.E.A., S-ro Molera, nome de la Universala Asocio kaj de la reprezentantoj de Sekcioj kaj Grupoj aliĝintaj al Hispana Esperanto-Federacio. Kiel fina punkto al tiu vico de mallongaj paroladetoj, nia samideanino Agustina Roca Vidvino Rebollo, dediĉis emociajn vortojn al la memoro de sia edzo, mortinta dum la XXIª Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Pontevedra antaŭ dekdu jaroj kaj al la promeso

kiun ŝi faris al si mem, lerni Esperanton antaŭ ol partopreni denove Kongreson de Esperanto en Galegujo. Jen ŝiaj vortoj:

"Karaj geamikoj,

Kvankam mi estas aĝa, tamen mia koro estas juna.

Kvankam mi ne parolas tute bone Esperanton, tamen mi havas grandan entuziasmon por la Internacia Lingvo.

Kvankam la homoj militas, tamen en mia koro estas granda amo al la homaro, kaj pro tio mi sentas min vera esperantistino.

Tiu ĉi Kongreso, estas por mi, unu el la plej karaj, unu el la plej emociaj, ĉar en tiu ĉi Nacia Kongreso mi ne plu estas sola, kiel en la antaŭaj, ĉar ĉi tie, estas mia edzo, fervora esperantisto, kiu ripozas korpe en galega grundo, sed vivas spirite kun ni, kaj mi estas certa, ke en tiu ĉi momento li estas ĝoja vidante, ke nia idealo, nia esperantismo, estas daŭra, konstanta, ke niaj pioniroj mortas, sed anstataŭas ilin plej junaj, plej konsciaj kaj batalemaj homoj, kiuj kunportas la verdan flagon, la unikan pacan en la mondo, kiu kunvenigas la homojn por sin ami kaj fratiĝi."

La emocio de la momento kiu kaptis la animon de la aŭskultantoj, ŝanĝis simplajn vortojn en brilan paroladeton. Kaj mi povas certigi ke nia simpatia samideanino bone lernis la Internacian Lingvon.

Lia Moŝto la Ĉefkomandanto de Vigo malfermis la Kongreson kaj la Prezidanto de H.E.F., S-ro Angel Figuerola Auque, dankinte la Aŭtoritatulojn pro ilia ĉeesto, faris la malferman paroladon en kiu li reliefigis la gravecon de la disvastigo de Esperanto kiel internacia lingvo, kiu unuigas la homojn kaj kreas laĉojn de interkompreniĝo kaj sekve de homa amikeco.

Finiĝis la solenaĵo per kantado de "La Espero".

Posttagmeze, ĉiuj Sekcioj kunsidis por aparte pritakti siajn specifajn aferojn; kaj je la 17,30-a okazis laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun la delegitoj de Sekcioj kaj Grupoj.

Ĉar la kvara punkto de la tagordo kaŭzis interesan diskuton kaj la tempo rapide pasis, oni devis interrompi la kunsidon por ĝin daŭrigi la sekvantan tagon kaj la diskutita punkto restis neaprobita por klarigo, fare de la Estraro, post okazigo de la Kongreso.



En «La Guía», S-ro. Alberich sendube klarigas punkton pri Esperanto al S-ino Bielsa.

Dum la turisma vizito en la urbo, ni vizitis "El Castro" kaj "La Guía", naturaj belvederoj de kie ni povis ĝui la belecon de la enfluejo ĝis la insuloj "Cíes", de la valo, de la maro kaj de la urbo, kiu prezentiĝas de la marbordo ĝis la plej alta parto de "El Castro", sugesta kaj altira antaŭ la mirigitaj vizitantoj de "La Guía".

Je la 22-a okazis la Junulara Balo en la Societo "La Oliva". Dum la festo oni elektis "Fraŭlinon Esperanto 1972". La aljuĝo trafis nian samideaninon M.ª Elvira Alvarez, de Vigo, kies beleco kaj simpatio kaptis la animon de ĉiuj konantaj ŝin.

Ja amuza estis la festo, kiu daŭris ĝis tre malfrue, kaj kiun la partoprenintoj ne forgesos facile.

*Sabaton, la 22-an*

Je la 9-a, daŭrigo de la laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun la delegitoj de Sekcioj kaj Grupoj por pritakti kaj aprobi la kvin restantajn punktojn de la tagordo por la Generala Kunveno de la Hispana Esperanto-Federacio.



Aspekto de la konservaĵa fabriko Massó.

Post la kunsido, okazis ekskurso tra la mar-rivero kaj vizito al la Fiŝa Konservaĵa Fabriko "Massó". Belega kaj tre agrabla estis la ŝipa veturado. Alveninte al la haveno antaŭ la Fabriko, ni estis akceptitaj de S-roj Massó kun siaj ĉefaj kunlaborantoj, kiuj afable eksplikis al ni dividitajn en grupojn 30-personajn, la funkciadon de tiuj mirindaj maŝinoj kiuj plenumas tiel delikatan laboron. Hela, impona halo en kiu oni enirigis sardinojn, ankoraŭ vivajn en mara akvo, kiuj laŭĉene tramaŝinite aliiĝis en tiujn sardelojn kiuj prestiĝas la fiŝan konservaĵan industrion hispanan.

Ni estis bonŝancaj ĉar ni povis admiri tri balenojn dispecigotajn posttagmeze. Revene, en la ŝipo, ni estis abunde regalataj de tiu prestiĝa firmo kaj de la Honora Prezidanto de la Kongresa Komitato per diversaj specialaĵoj de la fabriko, kaj refresigaĵoj. Krome, ĉiu vizitanto ricevis donace pakon de fiŝaj konservaĵoj kune kun klupo kaj memoriga cindrujo.

Raportante pri tiu ĉi Kongreso venas al mia memoro frazo de nia samideano Salvador Gumá: "Estas evidente ke ankaŭ tie-ĉi kreiĝis favora etoso por Esperanto. Tial ĉiu el ni memoru kaj neniu el ni forgesu, ke bonan reputacion ni semas se ni *sobre* akceptas kion oni *abunde* oferas." Resume: Ja interesa kaj agrabla tiu vizito kaj belega la ŝipveturado.

Je la 18-a, S-ro Pedro Nuez, de Barcelona, prelegis en Esperanto pri la temo "Eŭropismo". Per klara kaj konvinka parolstilo, nia samideano disvolvis la temon ĉiam aktualan, de tiu interesa prelego, kiun ni aperigos kompletan en la paĝoj de BOLETIN. Je la fino varma aplaŭdado premiis lian intervenon.

Je la 19,30-a, denove S-ro Pedro Nuez, okupis la podion; li prezentis belan kolekton de diapozitivoj, kaj komentis ilin en hispana lingvo. La kolekto titolita "La problemoj de la Homaro" estas dividita en jenaj punktoj:

La evoluo de la homo ekde la ŝtona erao.

Estingitaj Civilizacioj.

La moderna erao kaj la interplanedaj vojaĝoj.

La domaĝo de la malsato.

La sano kaj la higieno.

Racia homa nutrado.

Filozofio kaj eduko.

La arto kaj la scienco.

La lingva problemo.

Parolataj lingvoj en la mondo.

La turismo kaj la komerco.

La babelismo en la ONU kaj en la UNESKO.

La simultana tradukado.

La defendo de nia patruja lingvo.

Solvo por la babelismo: Esperanto.

Ĝia kreinto.

Originala kaj tradukita literaturo.

La Internacia Specimen-foiro de Bar-

celona.

Broŝuroj en Esperanto de la "Subsecretaría de Turismo" kaj de la RENFE.

Sciencaj verkoj.

Avantaĝoj kunportitaj de la scio de Esperanto.

Centjara datreveno de la naskiĝo de Dro. L. L. Zamenhof.

La Kongresoj, superaj ekzamenoj, kaj oratoraj kaj beletraj konkursoj.

Bezono de helpa lingvo en ligo al la patrina.

Invito al lernado de la Internacia Lingvo Esperanto.

Bona kaj praktika informado pri la Internacia Lingvo. Ankaŭ ĉifoje varmaj aplaŭdoj premiis la laboron de nia samideano, kaj la ĉeestantoj kore lin gratulis.

Je la 22-a invitate de la Magistrato de Vigo, ni kolektiĝis en la nekomparebla parko "Quiñones de León" por admiri prezentadon de "Festivales de España". Ni ĝuis la belecon de la hispana baleto prezentita de Rafael de Córdoba.

*Dimanĉon, la 23-an*

Tuttaga ekskurso al Monto Tecla en La Guardia. La aŭtoĉaroj startis de la kvartalo "El Berbés" kaj tra belega ŝoseo ni alvenis al Panjon, kie en la Vota Templo de l' Mar, ni partoprenis en la Meso; oficis kaj predikis la "Canónigo Magistral" de la Katedralo de Orense, S-ro Celso Carneiro, kies prediko estis vere esperantista homilio. Post la fino de la Meso ankaŭ la paroĥestro de Panjon, S-ro José Rial Alonso bonvenigis la esperantistojn kaj deziris al ni sukceson en nia laboro. Vizitinte la preĝejon, religie, kiel Internacian Institucion, ni daŭrigis la veturadon ĝis Bayona la Real, kie ni vizitis la parkon de la kastelo Monterreal kies 2.800 metroj da murego kun altaj turoj ĉirkaŭantaj la parkon parolas al ni pri malnovaj tempoj. En tiu belega parko situas la Parador Nacional de Turismo "Conde de Gondomar". De Bayona ni pluveturis ĝis La Guardia kaj... Monto Tecla, celo de nia ekskurso. Dum la supreniro sur la monto ni povis admiri restaĵojn de antikva kelta vilaĝo ege interesajn. Bedaŭrinde, la vetero —kvankam agrabla— ne permesis al ni ĝui la belecon de la panoramo; maloportunaj nuboj kovris la sunon kaj malebligis la vidadon super la enfluejo de la rivero Miño kaj super la tero dube-blua de la transrivera bordo. Post la tagmanĝo nia sprita samideano Estevez kompensis per sia simpatio la ne sufiĉe helan ĉielon. Revene ni haltis en Tuy kaj en Porriño por viziti la vidindaĵojn de tiuj tipe galegaj vilaĝoj.

Reveninte al Vigo, je la 23-a ni kompletigis la ekskursan tagon per ŝipa promenado tra la enfluejo. Dum ĝi ni ĝuis la belecon de la galega folkloro, ni gustumis la tipan "queimada", kaj la festo finiĝis tre malfrue en la nokto, per balo en la ŝipo.



**Kastelo de Monterreal, nuntempe nacia gastejo «Conde de Gondomar».**



La urbestro salutas al la gekongresanoj.

*Lundon, la 24-an*

Je la 9-a okazis la Ĝenerala Kunveno de H.E.F.; dum ĝi estis aprobitaj la protokolo de la antaŭa Ĝenerala Kunveno kaj la raporto de la Sekretario.

La Estraro de H.E.F. proponis Madrid kiel kongresurbon por la venonta jaro. La propono estis akceptita; rilate al la dato en kiu oni okazigas la Kongresojn ne estis interkonsento. D-ro Herrero de Valencia proponis ke oni elektu pli fruan aŭ pli malfruan daton ol la fino de julio, pro la troa varmo, ĉefe se la Kongreso okazas venontjare en Madrid; li indikis la monatojn majo, junio aŭ septembro. S-ro Hernández Llusera de Sabadell diris ke se la dato estos ŝanĝita, la esperantistoj de Tarrasa kaj Sabadell ne povos partopreni la Kongreson pro la laborpermesoj S-ro Arnau de Cheste respondis ke se ni devas pensi pri la someraj ferioj en la diversaj urboj, oni ne devas forgesi ke en Cheste someran laborpermeson oni ricevas nur dum la monato aŭgusto, kaj malgraŭ tio, nur de Cheste partoprenas la Kongreson pli granda nombro de esperantistoj ol de Tarrasa kaj Sabadell kune, kaj ankaŭ oni devas kalkuli pri la ceteraj vilaĝoj kaj urboj de la provinco Valencia. Kiel mi diris, fine oni decidis nenion pri la dato en kiu oni devas okazigi la Kongresojn.

La du sekvantaj punktoj de la tagordo estis aprobitaj sen diskuto. Fine la Estraro informis pri la oficejo aĉetita en Madrid por la Federacio, kio okazigis viglan diskuton inter la Estraro kaj samideanoj de Madrid; diskuto kiu daŭris ĝis la fino de la kunveno.

Je la 12-a okazis la vizito al la Muzeo "Quiñones de León" kaj akcepto fare de la Magistrato de Vigo.

En la nekompareblaj ĝardenoj "Qui-



Gekongresanoj antaŭ la Muzeo «Quiñones de León».



Grupo de gejunuloj kun la Honora Prezidanto de la Kongreso, S-ro Camilo Veiga Prego.

ñones de León", situas la Urba Muzeo pri kelta kaj romanika skulptarto, hispana ceramiko, sarkofagoj kaj pentrarto; la verkoj kompilitaj ja mirindaj, estas reliefigitaj de la kadro entenanta ilin. En ĝi kaj je difinitaj okazoj laŭ la multnombreco, okazas la Oficialaj Akceptoj, kaj tie, ni estis akceptitaj de Lia Moŝto la Urbestro de Vigo, S-ro Antonio Ramilo Fernández Areal, kiu salutis la kongresanojn per jenaj vortoj:

S-roj Prezidantoj de la Hispana Esperanto-Federacio kaj de la Organiza Komitato de la Kongreso, gesinjoroj: Vigo estas urbo aperta al la maro kaj sekve aperta al homa interkomunikado; tra la maro ni konas homojn el ĉiuj latitudoj, tra la maro ni interŝanĝis niajn produktaĵojn, nian kulturon kaj eĉ nian sangon.

Vi, same kiel ni estas internaciecaj, sed la maro kaj la lingvo nuancas nin. Vi pere de l' Esperanto plivastigas viajn konojn kaj personajn kontaktojn kaj tra ili vi interkonatiĝas kaj amas unu la alian. Mirinda ideo kiu difinas vin, kiuj pere de viaj interŝanĝoj nenion materian serĉas, dum ni, kiel urbo aperta al la maro eltiras profiton. Egaleco kaj diferenco kiuj nuance ligas nin.

Ke ĉi tiu Kongreso estu plensukcesa, kaj: Feliĉan restadon en Vigo!

Respondis al la Urbestra Moŝto la Prezidanto de H.E.F., kiu reliefigis kelkajn el la universalecaj punktoj de nia Internacia Lingvo.

Varmaj aplaŭdoj premiis ambaŭ intervenojn.

Tuj sekve la Urbestro per ŝercaj vortoj invitis la ĉeestantojn tosti por la triumfo de Esperanto, kaj regalis nin per abunda kaj samtempe delikata lunĉo, por ke —kiel li diris— ne ĉio estu paroladoj.

Je la 16-a okazis la ekzamenoj; laŭ informoj ricevitaj 16 gepartoprenantoj sukcesis en ili. Rolis kiel ekzamenantoj S-roj Jaime Aragay de Barcelona kaj Ramón Molera de Moyá (Barcelona).

Je la 18,30-a S-ro Arturo Moreira, Prezidanto de la Organiza Komitato de la Kongreso prelegis en hispana lingvo pri la temo "La lingvo Esperanto kaj ĝia disvastigo". Okaze de niaj Kongresoj multaj personoj interesiĝas pri Esperanto, al tiuj personoj estas unuavice dediĉitaj la hispanlingvaj prelegoj.

S-ro Moreira komencis sian prelegon per jena frazo de Henri Barbuse: "Komuna lingvo estas unu el la fundamentoj de internaciismo", li uzis tiun frazon ĉar li deziris per siaj vortoj plifirmigi sian fidon en la esperiga disvolviĝo de la Internacia Lingvo.

Mi deziras ekzalti Esperanton kiel la lingvon de l' estonto ĉar sendube ĝi plenumos la rolon de komuna lingvo.

Sin kompreni kaj interkompreniĝi kun la ceteraj ne estas facile por la homoj. Tamen, homa interkompreniĝo estas bezonata por pace vivi.

Kompreni aliulon estas la fundamento por konscie ami lin, kaj socie, nur tiu amo valoras. Oni bezonas atingi amon per komprenemo kaj, kiamaniere ni povas interkompreniĝi, se la funda-

menta ilo, la lingvo, estas plurala?

D-ro Zamenhof sukcesis krei lingvon egaldistancan de ĉiuj lingvoj kaj tiel simplan, ke ĝi estas facile lernebla eĉ por tiuj malpli kleraj. Esperanto ebligas la rektan interkompreniĝon inter diverslandanoj; nur tio devus esti sufiĉa por rekoni la grandan meriton de Esperanto, kiu unuigas la popolojn pere de sia universaleco kiel lingvo internacia, neŭtrala kaj simpla.

Nun, kiam oni celas unuigi la mondon, kaj klopodas por ideala integriĝo, superinte jam la stadiojn urbo, mezepokaj regnoj kaj nuntempaj nacioj, ĉu oni povos trovi pli adekvatan ilon ol estas nia esperantista lingvo?

Krome, ekzistas la kultura problemo, ni ne povas forgesi tiom da gravaj verkoj perditaj ĉar la lingvoj evoluas kaj mortas, kaj ili estis verkitaj en tiuj lingvoj. Nur lingvo kreita sur bazo de pacienca studo restas, ĉar ĝi ne baziĝas super sentimentalaj faktoj aŭ tipaj moroj.

La preleganto daŭrigas sian disertacion reliefigante la valoron de Esperanto kiel literatura lingvo kaj sekve kiel nura ilo por interŝanĝo de kulturoj, do, por homa interkompreniĝo.

Dediĉinte kelkajn vortojn al la kongresanoj kaj pravigante siajn asertojn per diversaj diroj la oratoro finis sian disertacion sendante fratan mesaĝon al la hispana esperantistaro, al la tutmonda esperantistaro, mesaĝo de amo kaj espero je la sukceso de Esperanto.

Tondra aplaŭdado fermis lian brilan intervenon.

Je la 20-a okazis la Solena Fermo de la Kongreso. Ĉe la Prezida tablo kune kun la Prezidanto de H.E.F., S-ro Figuerola Auque; la Prezidanto de la "Círculo Mercantil e Industrial" kaj Honora Prezidanto de la Organiza Kongresa Komitato, S-ro Veiga Prego; la reprezentanto de la Ĉefkomandanto de Vigo, Subkolonelo S-ro Rafael Lozano Arias; la Prezidanto de la Organiza Kongresa Komitato, S-ro Moreira Lorenzo; S-roj Oliván Hernando; Bueno Cortés; Pousa Veloso, kaj la Sekretario de H.E.F. S-ro Figuerola Palomo.

Unuavice la Sekretario de H.E.F. legis la Kongresrezoluciojn kaj tuj sekve kelkajn telegramojn ricevitajn. Sekvis adiaŭaj vortoj de la Prezidanto de la Kongresa Komitato kaj fine la Prezidanto de H.E.F. dankis al la Aŭtoritatuloj pro ilia ĉeesto, al la Estraro de "Círculo Mercantil e Industrial", kiu tiel afable gastigis la Kongreson, al la Organiza Komitato kaj al la ĉeestantaj esperantistoj pro ilia partopreno.

S-ro Veiga Prego deklaris fermita la Kongreson. Finiĝis la solenaĵo per la kantado de La Espero.

Kiel programite, kaj organizite de la esperantistoj de Vigo okazis omaĝo al nia elstara samideano S-ro Salvador Oliván Hernando, pioniro de Esperanto ne nur en Vigo, sed en Galegujo.

De la unua momento aliĝis al tiu omaĝo esperantistoj de Zaragoza, kiuj bone konis la meritojn de la omaĝito.

S-ro Arturo Moreira dediĉis la omaĝon al S-ro Oliván Hernando, pri kiu li



Parto de la publiko, kiu ĉeestas la fermon de la Kongreso.


La Prezidantaro dum la solena fermo de la Kongreso.

diris: Ne estas necese ke mi reliefigu la meritojn de nia respektata samideano kaj kara amiko; lia sindediĉo al Esperanto kaj ĝia nobla ideo estas de ĉiuj konata; krome, lia nobla karaktero humana kaj rekta ne akceptas facile laŭdojn.

S-ro Moreira transdonis al S-ro Oliván Hernando arĝentan pladon kiel ateston de la omaĝo, kaj la libron "Zaragoza y su provincia" nome de liaj samprovincaj samideanoj; S-ro Oliván estas aragonano de Cinco Olivas (Zaragoza).

La Prezidanto de H.E.F. sumiĝis al la omaĝo nome de la Federacio. Fine S-ro Oliván Hernando per emociaj vortoj dankis la omaĝon kaj kuraĝigis ĉiujn plulaboradi.

Post la diversaj paroladetoj okazis folklora prezentado, fare de la grupo "Lembranzas Galegas", kiu estis entuziasme aplaŭdita de la ĉeestantoj.

Je la 22,30-a, en la restoracio de Gran Hotel Samil, okazis la Oficiala Bankedo. Honoris nin per sia ĉeesto la reprezentanto de la Ĉefkomandanto de Vigo kaj la "Delegado Local de la Juventud" kun siaj edzinoj, gesinjoroj Lozano Arias kaj Vázquez Gil respektive.

Post la bankedo, kelkaj samideanoj deziris esprimi sian kontentecon kaj dankemon pro la bona organizado de la Kongreso. Grupeto de barcelonaj esperantistoj reliefigis la senlacan kaj


Post la omaĝo al S-ro Oliván oni nin regalis per folkloraj galegaj dancoj.



**Esperantistoj antaŭ la Katedralo de Santiago de Compostela.**

efikan laboradon de kelkaj samideanoj, al kiuj donacis belajn bildojn antikva urbo Barcelona. Mi ne mencias nomojn pro ebla forgeso de iu el ili.

S-ro Lenaers per longa kaj brila parolado esprimis la senton de la esperantistoj de Valencia. S-ro Freitas parolis nome de niaj portugalaj samideanoj; S-ro Alfred Kirch, nome de la francoj; la esperantistoj de Vigo estis reprezentitaj de S-ro Crespo Cano; la junularo, de sia Prezidanto S-ro Fariñas...

Al ĉiuj respondis la Prezidantoj de Hispana Esperanto-Federacio kaj de la Organiza Kongresa Komitato.

Mi lasis por la fino, mencii la paroladeton de nia elstara Honora Prezidanto de la Kongresa Komitato, S-ro Veiga Prego kaj tiun de la "Delegado Local de la Juventud", S-ro Vázquez Gil.

De kiam S-ro Veiga Prego, kiel Prezidanto de "Centro Mercantil e Industrial" akceptis nin okaze de la Interkona Vespero, ni povis konstati per liaj afablaj vortoj, sobraj sed samtempe klaraj kaj realecaj, ke li bone konas la signifon de nia Movado, kaj li, de tiu momento estigis etoson de simpatio kaj nepra seriozeco. Nun, kiam li diĉas al ni adiaŭajn vortojn, ni sentas profundan emocion kaj samtempe la certecon ke nia Honora Prezidanto de la Kongresa Komitato, de nun estas vera esperantisto.

La interveno de S-ro Vázquez Gil estis ja esperiga. Li bone konscias la bezonon de komuna lingvo por internaciaj rilatoj kaj ke tiu lingvo devas esti neŭtrala kaj facile lernebla. Esperanto estas ja viva lingvo, tion pruvas la literaturo kaj la flua, facila interparolado kaj interkompreniĝo kun diverslandaj esperantistoj. Rekoninte la valoron de Esperanto kiel internacia lingvo, li promesis organizi kursojn de Esperanto por la junularo, kiun li reprezentas kaj kiun li gvidas. Tondra aplaŭdado premiis lian intervenon.

*Mardon, la 25-an*

Tuttaga ekskurso al Santiago de Compostela. En Padrón ni haltis por viziti la muzeon "Rosalía de Castro", instalita en la domo de la elstara verkistino.

Alveninte al Santiago de Compostela, nia unua vizito estis al la Katedralo, jam konata de la plimulto el ni, sed de ĉiuj plezure vizitata pro ĝia impona beleco; ĝi estas kompendio de artaj spertoj disvolviĝantaj laŭlonge de la vojo kiun tra Francujo kaj Hispanujo sekvis la pilgrimantoj, de kiam en la jaro 950ª, la episkopo Godescalco alvenis al la tombo de la Apostolo kune kun grupo de francaj pilgrimantoj.

La urbo estas mirinda komplekso kie unuiĝas monumentoj de diversaj epokoj, konsistigantaj urbon samtempe mezepokan kaj modernan, romanikan kaj barokan... Urbo universitata kaj kamparana, montras tre difinitajn kontrastojn kiuj donas propran karakteron al la tuto.

Post la tagmanĝo ni forlasis la urbon, por revene al Vigo, viziti Villagarcía de Arosa kaj La Toja. La enfluejo de Arosa estas tiel riĉa je kontrastoj, ke oni komparas ĝin al malgrandeta oceano. En ĝia enirejo situas La Toja, insulo de eksterordinara beleco. Ambaŭ urboj meritas pli longan viziton. Sed... la tempo rapide pasas kaj la vojo ĝis Vigo, kie ni devas prepari niajn valizojn estas sufiĉe longa. La Kongreso estas finita, sed ni ĉiuj devas reveni al niaj hejmoj.

Ĝis revido venontjare en Madrid!

Je kiu monato?

Ni esperu ke la Estraro de H.E.F. decidos baldaŭ la daton.

*Inés Gastón*

Miguel de Unamuno *naskiĝis en Bilbao kaj mortis en Salamanca (1864-1936). Filozofo, eseisto, romanisto, dramisto, poeto, profesoro de greka lingvo ĉe la universitato de Salamanca, Unamuno ĝuis grandegan famon pro sia talento kaj pro sia originala kaj polemikema spirito.*

*La enigmo de la morto obsedis lin, kaj en tiu obsedo li trovis bazon kaj fekundan inspiron por siaj plej transcendaj verkoj: «La agonía del cristianismo» (La agonio de la kristanismo) kaj «Del sentimiento trágico de la vida» (Pri la vivo kiel tragika sento).*

*En la sekvanta poemo, lia stoika, pure racia kompato nin frapas kaj konsternas, sed lia vivo estis senĉesa lukto inter la impulsoj kaj inklinoj de lia koro kaj la rigora lucido de lia menso.*

## AL INFANO MALSANA

*Dormu, eta infano.*
*Fantomo venas*
*kaj la maldormemulojn*
*kun si ĝi prenas.*
Popola lulkanto.

Dormu, mia trezoro,
dormu trankvile,
venkas dormo suferon,
ŝirmas azile.

Dormu, povra infano,
ĝuu senplore
kion al vi la Morto
donas konsole.

Jes, konsole kaj pruve
ke Ĝi vin amas,
kompatindan infanon,
ke Ĝi balzamas.

Baldaŭ venos avide
la dolĉa Morto
preni vin kun tenero
al paca korto.

En la brakoj de l' Morto
ĉiam vi dormos,
kaj por vi, infaneto,
vintro ne ŝtormos.

Mankos vintro kaj neĝo,
eta velkanto.
Vin silente Ĝi lulos
per milda kanto.

Triste via rideto
lip-tire kuŝas.
Vian koron tre eble
Ĝi mane tuŝas.

Kiel triste rideto
kuŝas lip-tire!
Kion sonĝe al panjo
flustras vi dire?

Al la panjo eterna
kaj pietata:
al la tero pac-plena
ĉiam kompata.

Ĉe apero de l' suno
vian viv-stelon
la mateno forglutos,
fandos en helon.

Mortos vi ĉe tagiĝo,
floro de morto.
Vin repuŝas la vivo,
kia bonsorto!

En senfina dormado
kuŝu trankvile,
venkas morto suferon,
ŝirmas azile.

El la hispana:

*Fernando de Diego*

---

## FUNDACION «ESPERANTO»

Tres nuevos donativos se han recibido en esta Secretaría: Conrado Berghänel, de Barcelona, 100 pesetas. Salvador Oliván, de Vigo, 300 pesetas. Miguel Sender, de Barcelona, 5.000 pesetas, que sumadas a las 700 pesetas recibidas anteriormente hacen un total de 6.100 pesetas.

*Inés Gastón*

Secretaria de la
Fundación ESPERANTO

### NUEVOS PREMIOS

Se instituyen anualmente los

*«Premios SOLER» de Esperanto*

50.000 pesetas para los del año 1973, que se otorgarán mediante concurso a través de la "Fundación ESPERANTO".

---

Por haber recibido la noticia cuando el material para BOLETIN está ya en la imprenta, la convocatoria para dichos premios, uno de los cuales será de carácter internacional, aparecerá en el próximo número de BOLETIN.

Agradecemos a D. José Soler Sempere su generosidad en pro del Esperanto.




# 14ª BARCELONA-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**Geedzoj Ribes, estraranoj de Centro de Esperanto Sabadell pozas antaŭ la provizora monolito de Strato Zamenhof.**

Ĉijare nia jam tradicia esperantista renkontiĝo okazis en Riells del Fai, vilaĝo precipe konsistanta el kampardomoj kaj someraj vilaoj. La vilaĝo situas en pitoreska ebena valo, kiun ĉirkaŭas impona kruta montaro. Proksime al Riells del Fai kaj meze de roka krutaĵo troviĝas la antikva kaj historia monaĥejo Sankta Mikaelo del Fai.

Je la naŭa matene la grandnombraj alvenintaj geesperantistoj renkontiĝis en la Paroĥeja Placo, kie oni disvendis esperantajn librojn kaj estis instalita portebla ekspozicio de esperantaĵoj.

La Paroĥa Preĝejo ne sufiĉis por enteni la ĉeestantaron ĉe la Meso kun prediko en Esperanto, kiun celebris Patro J. M. Claramunt Sch. kaj M. Casanoves C.M.F.

Patro Casanoves en sia prediko precipe priparolis pri la simileco de la apostoloj de la Kristanismo kun la pioniroj de Esperanto. Li diris ke ni imagu, ke la homaro estas grenkampo preta por la rikolto, sed la rikolto estas granda kaj la laborantoj por ĝin rikolti malmultaj.

"Jezuo elektis dek du apostolojn por tiu rikolto. Li elektis ilin libere kaj donacis al ili tiun taskon kaj laŭ la ordinara vidpunkto al ne tro adekvataj personoj. La apostoloj ne estis la plej kleraj, influaj, kuraĝaj kaj potencaj personoj. Dio volis, ke ili estu pli malfortaj ol potencaj. Ili ne estis potenculoj. Ili estis ordinaraj personoj el la simpla popolo. Tamen, tiuj personoj, kiuj laŭvide tiel malsaĝe estis elektitaj, ĝisfunde ŝanĝis la homaron. Ili iris tra la tuta Mondo, ili predikis al la tuta homaro, ili iris ĉien."

"Ankaŭ ni kiel esperantistoj ricevis alian liberan donacon. Ni ne povas klarigi al ni mem la kialon, ke ni precize estas tiuj personoj ricevintaj tiun mesaĝon. Sed meze de la grenkampo de la Mondo, ni esperantistoj havas tian grandan taskon: La taskon rikolti la tutan kampon."

"Ni ne rajtas kaŝi la sanktan ideon, kiun ni libere ricevis: La trezoron de la Internacia Lingvo por solvi la lingvan ĥaoson."

"Ni estas apostoloj de tiu ideo donace ricevita. Do, ni estu kiel la Apostoloj, ni iru antaŭen."

Post la Meso la kunvenintoj aliris al stratkruciĝo, kie la Urbestro de Riells del Fai, S-ro Isidro Prat Bachs malkovris la tabulon kun la nomo "strato Zamenhof".

Komisiita delegito nome de la Esperantistaj Grupoj gratulis la Urbestron pro lia simpatio kaj apogo al Esperanto.

S-ro Amoreaux, franco el Perpignan, en la nomo de la tieaj esperantistoj faris paroladeton pri la okazaĵo.

En Salono Can Sabaté, anoncate de S-ro L. Puig disvolviĝis vasta kaj varia programo por diskonigi Esperanton.

Unue S-ro Inurrigarro de la Loka Organiza Komisiono dankis la esperantistojn pro ilia veno al Riells del Fai.

Tuj sekve la reprezentantoj de la esperantistaj grupoj de nia Provinco suriris la podion por saluti la ĉeestantaron.

S-ro Bohigas estis la unua kiu faris tion en la nomo de "Stelo de Paco" kaj admonis la esperantistojn, ke ili klopodu ellerni Esperanton. Por la Grupo Aŭroro salutis S-ro Vilella. S-ro Aragay en la nomo de Amikoj de UNESCO salutis, kaj petis ke la instruado de Esperanto havu lokon en la lernejoj. Por la fervojistoj salutis S-ro Giménez. S-ro Sebastián Chaler por Esperanto-Fako de Tarrasa. Por Centro de Esperanto Sabadell S-ro Hernández Llusera. S-ro Costa por Manlleu. S-ino Castells por "Esperanta Nesto" de Ripollet. S-ro Franquesa en la nomo de Sant Feliu de Codines salutis la publikon kaj ankaŭ faris tion en la nomo de Lérida, kie nun li loĝas. Li diris, ke tie li klopodas por starigi esperantistan Grupeton, kaj proponis, ke baldaŭ okazu Renkontiĝo en tiu ĉefurbo.

Pastro Claramunt salutis en la nomo de Calella kaj proponis tiun urbon por la venonta Renkontiĝo. En la nomo de Sant Pau d'Ordal salutis S-ro Hernández Izal. S-ro Arás por Sant Cugat del Vallés, la pasintjara renkontiĝurbo. S-ro Mora i Arana, de Manresa, salutinte reliefigis, ke nun Esperanto jam estas liturgia lingvo. S-ro Sans por Vilafranca. S-ro Amoreaux el Francujo en la nomo de la esperantistoj de Perpignan kaj Narbona gratulis la esperantistojn kaj dankis la urbestron pro lia oferemo por Esperanto.

S-ro G. Moya per paroladeto klarigis la gravecon de niaj renkontiĝoj kaj kongresoj kaj akcentis la rolon de Esperanto kiel lingvo internacia kaj ilo por la paco.

Sekve, la teatra juna trupo de Centro de Esperanto Sabadell prezentis en Esperanto la mallongajn teatraĵojn "Mirakla Akvo" kaj "La tri Juĝistoj", tiun lastan precipe ludis la infanoj de S-ro L. Puig.

Intere deklamis esperantajn poeziaĵojn F-inoj Balsach kaj Argüello. S-ino Isern de Bos ankaŭ inter kaj post la teatraĵoj artisme deklamis poeziaĵojn en kataluna lingvo.

Fine S-ro L. Puig per gratulaj vortoj fermis la publikan prezentadon kaj anoncis, ke la venonta Renkontiĝo okazos en Calella de la Costa.

Post la fino de la publika festo la geesperantistoj translokiĝis al la najbara urbeto Bigas, kie en tipa restoracio, antaŭ ol komenciĝis la frateca kunman-



**Kelkaj partoprenantoj en la inaŭguro de la Strato Zamenhof**

ĝado, la Ĥoro Majstro Tomás, gvidate de profesoro A. Cohí Grau regalis nin per kelkaj katalunaj kanzonoj, el kiuj unu en Esperanto.

Je la deserto oni legis multajn gratulajn leterojn kaj telegramojn al la Renkontiĝo, inter ili estis tiuj de la Prezidanto de H.E.F. S-ro Figuerola; Redaktorino de "Esperanto", S-ino Woessink-Nagata; Familio Criach kun subskriboj de E-klubanoj de Oslo (Norvegujo); S-ro Miguel Arbona, UEA-Delegito en Palma de Mallorca; S-ro Olivé, de Lérida; S-ro J. Ravetllat, de Osseja (Francujo)...

Fine, Patro Claramunt invitis nin al Calella de la Costa, kie okazos la venonta Renkontiĝo en la Printempaj Festoj de la monato majo, kaj ankaŭ S-ro Giménez en la nomo de la fervojistoj anoncis, ke ilia Fervojista Kongreso de 1974 okazos tre probable en Tarragona.

Sukcese, kun pli ol du cent kvindek gepartoprenantoj, en belega tago, la 18-an de junio, finiĝis nia ĉijara 14.ª Barcelono-Provinca Esperantista Renkontitiĝo.

Kaj ĉiam sukcese antaŭen, al Calella en 1973.

G. M.

---

## PERSONAJ IMPRESOJ PRI T.E.J.O.-KONGRESO

La ĉijara T.E.J.O.-Kongreso en Torun (Pollando) estis ja sukcesa. La ĉefaj programeroj de la Kongreso temis pri la famkonata sciencisto de la XVI.ª jarcento, astronomo Mikolaj Kopernik, naskiĝinta en la ĉijara kongresurbo Torun. Kaj ankaŭ pri la junularo de la tiel nomata Tria Mondo. Sed, verdire, por mi —same kiel en la ceteraj Junularaj Kongresoj de Esperanto— la plej grava fakto estis kaj estas la frateca kunvivado kaj sincera kamaradeco reganta inter la gekongresanoj.

La ĝojo kiun oni sentas dum tiuj interrilatoj kun diverslandaj gepartoprenantoj, ĉu per serioza konversacio, ĉu per simpla babilado, estas ne imagebla. Estas ja mirige, ke oni povas ĉion kaj al ĉiuj kompreni sen alies helpo, nur pere de Esperanto.

La Kongreson partoprenis ĉirkaŭ 300 gejunuloj el 20 landoj; inter ili, el Usono, Japanujo, Meksikio, Maŭritanio... el Hispanujo, ni ĉeestis tri: M.ª Pilar R. Malón, de Valencia kaj mi, kiuj vojaĝis kune kaj kiuj ankaŭ partoprenis la Postkongreson, kaj José Luis Pérez Ovilo, de Madrid. La Postkongreso en Gdansk estis malpli nombra, nur 100 gejunuloj, proksimume, partoprenis ĝin.

La vojaĝo ĝis Torun estis iomete laciga, sed nia granda iluzio por renkonti malnovajn geamikojn kaj interkonatiĝi kun la nekonataj gepartoprenantoj en la Kongreso, kompensis nin de la varmo kaj de la multkilometra veturado per ne tre komforta trajno.

Ĉiuj polaj urboj kiujn ni vizitis estas tre interesaj kaj ili diferenciĝas de aliaj eŭropaj urboj; sed laŭ mia opinio, la plej belaj el ili estas tiuj, kiuj situas ĉe la bordo de la Balta Maro, precipe Gdansk kaj Sopot. En Gdansk estas mirindaj la rekonstruaĵoj de la malnovaj kvartaloj; ankaŭ la muzeo estas tre valora, ĝi posedas riĉan kolekton da pentraĵoj.

Nun kiel anekdoton mi rakontos atingon de la Kongreso, plej bone dirite, de tiu frata kunvivado kaj sincera kamaradeco pri kiu mi parolis je la komenco.

Dum la Kongreso ni ĝuis la polan folkloron; la pola art-ensemblo "Impreso", regalis nin per prezentado de folkloraj dancoj kaj kantoj. La profesorino, kiu gvidas ĝin estas esperantistino, sed post la Kongreso, dum kiu la junaj geartistoj povis konstati kiel facile interkompreniĝis la gekongresanoj, ĉiuj gejunuloj, kiuj konsistigas la ensemblon promesis lerni Esperanton por aktive partopreni la venontjaran T.E.J.O.-Kongreson en Jugoslavio. Saman deziron tuj lerni la Internacian Lingvon, ankaŭ esprimis la Rektoro de la Universitato "Koperniko" en Torun.

Do, al ĉiuj, ĝis revido en Jugoslavio.

*Johana Hernández Royo*
Sabadell, 1972

# LAŬDO AL LA BONA LIBRO

*Ramón Salanova*

Okaze de la Festo kaj de la Foiroj de Libroj la laŭdoj pri la libroj nombriĝas, longaj kaj mallongaj artikoloj ĉefe kiel rezulto de literaturaj kaj ĵurnalaj konkursoj oportune alvokitaj por mense prepari kaj konvinki la publikon pri la intereso aĉeti iun libron, ne gravas kian. Oni eĉ organizas infanajn konkursojn, en kiuj la infanoj diras frazojn tiel belajn kiel tiu: kunporti libron estas kiel iri kondukite per la mano de la patrino.

La subskribinto, librulo, kiu jam de antaŭ du trionoj de sia vivo sin donas ekskluzive al skribado kaj legado, perplekse rigardadas la panoramon, ĉefe ĉar li havas la plej altan opinion pri la graveco de la libro. Ĉu oni povas nediskriminacie laŭdi la libron? Ĉu licas ĝenerale laŭdegi la libron? Evidentiĝas nea respondo. Tute same oni subtaksas la libron se oni ĝin konsideras nur kiel industrian produktaĵon.

Ne nur estas evidente ke ekzistas bonaj kaj malbonaj libroj, sed ankaŭ evidentiĝas la ekzisto de ĝenroj en kiuj estas multe pli granda la nombro da kondamnindaj libroj ol da laŭdindaj. De antaŭ iom da tempo, estas eble, imitante S-ron Rousseau (kaj pardonu la citaĵon), defendi ke, inter ni, la libro kaj aliaj disvastigaj periloj kontribuis ne nur malbonigi grandmezure la morojn sed eĉ malaltigi la Civilizacion. Por havi ĝeneralan impreson pri misa kvalito de la fikciaj kaj pseŭdosciencaj libroj (listo de libroj, nuntempe aĉeteblaj, pri seksaj temoj estus teruriga) kiuj troviĝas en la merkato, sufiĉas interparoli kun normalaj personoj, sentemaj, de gusto, plej bone se ili estas respondecosentaj, kiuj devas recenzi librojn, por koni la malagrablecon de ilia tasko, ilian naŭzon antaŭ la konstanta ripetado de malagrablaj scenoj, leksike malbonsonaj, literature malĉastaj, kiam la libroj kiujn ili estas devigataj engluti, ne estas krome, funde maledifaj kaj disigaj.

Kio determinas la gravecon de la libro, tio estas ĝia ideologia enhavo. "Sed, ĝi estas tiel bone verkita!", multaj personoj diras por pravigi la legadon kaj akiron de difinita libro. Se la enhavo estas venena, despli malbone. Mi rememoras kiam eksplodis la atoma bombo sur Hiroshima. Por la unua fojo en la Historio oni eksplodigis militilon tiel eksterordinare perfektan, rezulton de vastaj studoj kaj multekostaj provoj faritaj de eminentaj sciencistoj kaj teknikistoj. Se la kriterio aplikita estus la sama kiun nun havas tiom da personoj pri la libroj, la ĝenerala reago estus estinta admira, unu "hoooo!" estus ĉirkaŭirinta la Teron, ĉar efektive, temis pri impresa konkero de la homa intelekto, de la perfekta eksplodo de tiel potenca artefaritaĵo ke en tiu momento multaj scienculoj timis ke ĝi okazigu la detruon de la Tero. Sed antaŭ tiel terura mortigo de centmil personoj, ne nur neniu laŭdis la perfektecon de la bomb, sed ĉies atento restis turnita al la morto kaj senfinaj suferoj de tiom da homoj, de tiom da fratoj niaj, viktimaj de la eksplodo. Estis logike, kiel estas logike ke ni postulu plej grandan higienon, plej rigoran asepson en spektaklejoj: Ĉu ni enirus en salonon, en kiu ni certe scius ke dum la prezentado oni devus ĵeti en la eron mikrobojn de ekzantema tifo? Sed, tamen, oni riskas kaj permesas la danĝeron por la gefiloj, kiujn oni vere amas, pere de legaĵoj kaj spektakloj povantaj semi en la spirito la ĝermon kiu kripligu ĝin definitive, senrimede.

Pri la temo oni povas longe konsideri, sed pro ĝia evidento estus neperdoneble tion fari ĉi tie. Kion ni deziris substreki, tio estas la ĝenerala apatio kiun ni suferas, la nekapablecon reagi antaŭ kio estas bona aŭ malbona, la neeblecon en kiu ŝajne vivas la homoj kvazaŭ ili estus ruinigitaj aŭ premitaj de mi ne scias kiaj sorĉaĵoj aŭ drogoj, por adekvate diferencigi inter tio bona kaj tio malbona, kaj agi konsekvence. Estas la ĝenerala apatio kiu sentiĝas rilate al la teatro, filmoj, ĵurnaloj, revuoj. La personoj, kiuj antaŭe plendis pro la oficiala cenzuro kontraŭ ĉio malutilega, estas la samaj kiuj nun sin apogas sur ĝia malapero por defendi kiel licaĵon ĉion, kion la komerco kiu baziĝas en la allogo al la malŝatindaj instinktoj, lanĉas al la merkato.

Jes, ni donacu librojn, ili estas la plej bona donaco; ni aĉetu ilin, atentu pri ili, super ĉio legu ilin (la granda tragedio de nia epoko estas la malpleno kiun lasas en la novaj generacioj la nelegado de fundamentaj libroj); sed edukajn librojn aŭ almenaŭ ne malutilajn.

El la hispana
I. Gastón

## ESPERANTISTA VIVO

*MIERES*

La Grupo Esperantista de Mieres, kiu dum la akademia kurso aktive funkciis, organizis Regionan Esperantistan Renkontiĝon por festi la sukcesan finon de la kurso, kaj studi la eblecojn por pli efika disvastigo de Esperanto en la regiono.

Partoprenis la Renkontiĝon 80 geesperantistoj alvenintaj de diversaj urboj kaj vilaĝoj, kiuj estis akceptitaj en la "Casa de la Juventud", kie la Prezidanto de la Grupo, S-ro Cándido Cienfuegos bonvenigis la alvenantojn.

Kun S-ro Cienfuegos prezidis la kunsidon reprezentantojn de la esperantistoj de Avilés, Gijón, Luarca, Oviedo kaj Sama de Langreo. Post interŝanĝo de ideoj oni decidis organizi serion da prelegoj por diskonigi la Internacian Lingvon en diversaj urboj de la regiono.

La esperantistoj de Oviedo invitis por okazigi renkontiĝon en la regiona ĉefurbo. La propono estis akceptita.

Fininte la kunsidon, la Grupo Esperantista de Mieres kaj la firmoj "Los Mallos", "Casa Roces" kaj "Vinos Mangas" regalis la ĉeestantojn per Hispana Vino.

Fine, oni prezentis diversajn filmojn pri Esperanto, kaj F-ino Angelines Corredera brile metis finan punkton al tiu simpatia aranĝo, kiu disvolviĝis en frata kamaradeca etoso.

Pri la evento raportis diversaj ĵurnaloj de Asturias.

---

## CURSO DE ESPERANTO POR CORRESPONDENCIA

El Centro de Esperanto Sabadell ha recibido con fecha 13 de junio de 1972, una comunicación del Ministerio de Educación y Ciencia, por la que se le informa ha sido autorizado el funcionamiento del Centro privado de enseñanza por Correspondencia denominado "Centro de Esperanto Sabadell"; así como el haber sido clasificado el referido Centro en el Grupo II, habiéndosele concedido el derecho al uso de la placa con el número 201 del Registro Oficial de Centros privados de Enseñanza por Correspondencia.

Felicitamos al Centro de Esperanto Sabadell por esta nueva actividad en pro de la difusión del Esperanto.

---

## KONKURSO

**2.ª alvoko**

## «PREMIO FRANCISCO MAÑEZ»

Ĉi-jare oni ĝin aljuĝos, en la valoro de 2.000 pesetoj kun konfirma diplomo, al la plej bona artikolo en Esperanto pri la temo:

"Metodoj por la plej efika disvastigo de Esperanto"

REGULARO

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio.
2) Oni sendu po kvar ekzemplerojn de la artikoloj tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
3) La konkursaĵoj devos esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto kaj en aparta koverto, sur kiu devos esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estos la 15.ª de oktobro 1972.ª.

Kun la indiko: Por la Konkurso "Francisco Máñez", oni sendu la tekstojn al: Sro. Emilio Gastón. P.º Marina Moreno, 14, 3.º dcha. Zaragoza.

La Verdikto publikiĝos la 18-an de decembro 1972-a.

Zaragoza la 5-an de majo 1972.

*Emilio Gastón*
Sekretario de la Konkurso

# TURISMA EKSKURSO OKAZE DE LA XXXII^a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN VIGO

Ni ekveturis el Zaragoza la 17-an de julio matene por alveni al Valladolid posttagmeze.

Pura suno de ĉi tiu tero, blua ĉielo... Miljaraj civilizacioj trakuris la vojojn de la malnova geografio postlasante la eternajn spurojn de sia kulturo laŭlonge de Hispanujo. Tarazona, ŝtupumita urbo de pendantaj konstruaĵoj, kie la mudehara stilo aperas ĉiuloke... Serena, grandioza pejzaĝo kun la impona Moncayo (2.316 m.) kiel fono. Tra Agreda, ni eniras en Castilla.

En Hispanujo abundas la kasteloj, sed Castilla estas la regiono en kiu pli nombre ili ankoraŭ ekzistas. Soria, kiun ni vizitos revene, ĉar ĝi meritas specialan atenton, Calatañazor, deklarita kiel "Conjunto histórico-artístico" (grupo historia-arta) Burgo de Osma, San Esteba de Gormaz, kiu estis unu el la pordoj de Castilla; jam en la provinco Burgos, Aranda de Duero, industria urbo kie ni haltis por tagmanĝi kaj iomete ripozi. Fine, ni alvenis al Valladolid je la kvina posttagmeze trapasinte Peñafiel, kies kastelo, eble estas la plej grava fortikaĵo de Hispanujo. Nuntempe ĝi estas dediĉita por edukaj laboroj de la Virina Sekcio. En la malnova tempo la kastelo de Peñafiel estis scenejo de batalaj eventoj, ĝi estis milita centro de Almanzor, araba estro. Ĉi tie, inter ĉi tiuj muregoj kies prilaboritaj ŝtonoj restas preskaŭ sendifektaj; la nepo de San Fernando, reĝido Juan Manuel —la amanto de la libroj—, fiksis sian ĉefan restadejon, ĉe la rivero Duero, landlimo dum jarcentoj.

Alveninte al Valladolid, post loĝiĝo en hotelo "Olid-Meliá", ni rapidis por viziti la ĉefajn vidindaĵojn de tiu grava urbo, vera juvelujo por tiom da monumentaj trezoroj faritaj el ŝtono kaj spirito: la Katedralo, Universitato, Preĝejo de la Antigua, Colegio de San Gregorio fondita de Fray Alonso de Burgos, kapelano de la Reĝino Isabel la Católica. Gia konstruado komenciĝis la jaron 1488-an kaj finiĝis je la 1496-a; tie estas instalita la Nacia Muzeo pri Skulptarto, enhavanta gravajn verkojn de Alonso de Berruguete, majstro de la hispana skulptarto; Pedro de Mena; Gregorio Fernández; Juan de Juni, kaj aliaj.

Je la oka vespere, ni kunvenis en la sidejo de la Esperanto-Grupo, kie niaj lokaj samideanoj regalis nin per manĝetoj kaj refresigaĵoj. Post agrabla kunestado ni revenis en la hotelon. Pluraj el ni, post vespermanĝo ankoraŭ promenis tra la modernaj stratoj de tiu progresema urbo.




Unua halto ĉe Aranda de Duero.



Kastelo de Bragança.

La 18-an, matene ni forlasis Valladolid-on kaj tra Simancas, kies impona kastelo estis rekonstruita en la XIII.ª jarcento, de la Reĝo Alfonso la III.ª kaj kie, je la XVI.ª jarcento, la Reĝo Felipe la II.ª instaligis la Generalan Arkivon de la Regno. Tordesillas, Zamora... kaj fine ni alvenas al Portugalujo. En Bragança ni tagmanĝis kaj iomete ripozis por admiri la kastelon.

La mateno estis agrabla, la ĉielo milde "kovrita" liberigis nin de la troa varmo permesante al ni admiri la pejzaĝon.

En la portugala doganejo, funkciulo petas informon pri la celo de Esperanto. Mirigas lin la volumeno de l' aŭtoĉaro kaj la emblemo de la Galionoj de Rande. Deziras pli ampleksan informadon kaj F-ino Inés Gastón el la aŭtobusa fenestreto klarigas kelkajn punktojn.

Ni eniris en la portugalan nordokcidenton, en la regiono "Tras-os-montes" kaj "Alto Douro", kies orografio estas pli malpli, kiel tiu de Castilla ĵus preterveturita, kaj tuj ni eniras en la urbon Bragança, kies fama kastelo ĉirkaŭata de murego estis konstruita je la fino de la XII.ª jarcento. Gia "Domus municipalis" aŭ Urbodomo (de la komenco de la XIII.ª jarcento) estas unu el la malmultaj civilaj konstruaĵoj de romanika stilo, en Portugalujo. La urbo sidejo de nobela portugala familio, kies membroj okupadis la Tronon de Portugalujo de la 1.640ª ĝis la 1.910ª jaroj.

De la mirinda belvedero en la Pousada San Bartolomé, apud nacia ŝoseo de turismo, ni admiris la urbon en grandioza panoramo, kaj de kie la fotemuloj plezure uzis siajn fotilojn dum



Urbodomo de Porto.



Kvar samideaninoj el Zaragoza pozas momenton dum butikumado en Porto.

kelkaj minutoj.

Tagmanĝo bona kaj tre afable servita, jam laŭ portugala stilo, kaj ĵus trinkinte la bonegan kafon, denove ni enbusiĝis por daŭrigi la veturon al Porto. Komenciĝas la altebenaĵo de "Alto Douro" milde, agrable, kaj ĉiuj atendas atente ĉu estas vera la nomo "tras-os-montes", sed ni alvenas al Vila-Real, kie denove ni haltas por iomete ripozi. Festa estas la fizionomio de la urbo, aŭtomobila medio donas al ĝi specialan koloron, ĝi bonvenigas nin en ĉiuj lingvoj, invitas nin al la kurkonkurso de aŭtomobiloj, kaj super ĉio tio, ĝi donas impreson de aperta urbo.

La lastaj interspacoj ĉiam ŝajnas pli longaj kaj lacigaj, sed en ĉi tiu okazo, kaj honore al la provinco "tras-os-montes", ni eniris en la tobоganon de mallarĝa ŝoseo, kiu donas la impreson ke ni ĉiuj sentos kapturniĝon. La bona humoro kaj la "Biodramina" havas pli grandan povon ol la multegaj kurboj kaj intermontoj. S-ro Conrado Berghänel jam ne malpliigas unuopajn kilometrojn, kiel la gejunuloj ilin kalkulas; en sia deziro baldaŭ fini, li kalkulas dekopajn kilometrojn. Bragança je 1.000 m., Porto je la marnivelo; estis necese malsupreniri multe kaj rapide.

Estis facile trovi la Hotelon Batalha; la simpatio de la portugalaj knaboj faris la miraklon. En la hotelo atendis nin niaj samideanoj S-roj Leopoldo Gonçalves kaj Manuel de Freitas, kiuj tre afable akceptis nin, kio helpis por ke ni ne sentu nin fremduloj.

Post la hidrata refortikiĝo ekstera kaj interna, okazis la vespermanĝo dum kiu ni ekrigardadis tra la fenestroj por malkovri la noktan urbon Porto. Ni deziras vidi la alvenon de la Douro al la maro, rivero hispana kaj portugala, kiun ni akompanis dum tiom da kilometroj. Malmultaj minutoj sufiĉis por la disiĝo laŭ aĝoj, deziroj, plaĉoj kaj simpatioj. Denove atendis nin niaj tieaj samideanoj, ĉifoje kune kun S-roj Costa, de Matosinhos, kaj Antunes, de Lisboa; ĉi lasta alveninta al Porto nur por saluti nin kaj pasigi kun ni la sekvantan tagon. Koran dankon kara samideano, via afableco ege kortuŝis nin.

PORTO. — Ĝi estas urbo kiu vivas en konstanta vigleco; tial, kiam la sekvantan tagon ni renkontiĝis en la manĝoĉambro, ne suprizis nin konstati ke ni ĉiuj estas pretaj por ion aĉeti en la urbo: la virinoj plezuriĝis per aĉetado de porcelanaĵoj el Maccao; la portugalaj "Kokoj"; kafo, kaj memoraĵoj por la geamikoj. Detala vojiro tra la stratoj S. Antonio, Madeira, Praca de Almeida Garret, k.t.p. Malgraŭ tio la gejunuloj havis tempon viziti la strandon kaj sin bani.

ESPERANTISTA POSTTAGMEZO. — Tre simpatia grupo de portugalaj gesamideanoj honoris nin per sia akompanado dum nia turisma vizito al la urbo.

a) VIZITO AL FAMAJ VINKELOJ. En nia aŭtoĉaro, gvidate de niaj amikoj ni komencis la viziton al la malnova Porto laŭlonge de la rivero Douro, tra la avenuo Vimara Peres, kiu trapasas la riveron tra unu el la plej tipaj pontoj de Porto, verko de la Majstro de la Turo de Paris, kaj kiu estas trairebla laŭ du niveloj.

Ni vizitis la Vinkelojn de Porto Cintra, situantaj en la plej tipa kvartalo de Porto, kie funkciuloj de la entrepreno klarigis al ni ĉiujn detalojn pri la ellaborado de tiuj famaj vinoj.

Fine ni estis invitataj de la entrepreno por gustumi en la "tipical" (tipa)

vinkelo la diversajn "caldos" (vinojn) tie ellaboritajn, kie ni aĉetis el la plej malnovaj vinoj de tiu firmo. Ĉiuj forlasis la vinkelon kunportante la de ni pagitan skatolon kun nia nomo skribita en ĝi; kelkaj pensis ke tiamaniere, ni ne devos pagi doganan imposton.

b) Niaj samideanoj deziris ke ni admiru panoraman vidadon de la urbo, de sur altega turo de Kooperativo dediĉata prilabori la ŝtonon: granito kaj marmoro. Ni vizitis detale la diversajn halojn, kaj de unu el la altaj terasoj ni admiris la urbon.

c) PALACO DE LA BORSO. — Oni diras ke kiu ne konas la Palacon de la Borso, tiu ne konas Porto-n. Tute certe. Malnovan monaĥejon, la portugalaj komercistoj aliigis en sidejon de prospera societo, kie ĵus enirinte oni troviĝas antaŭ belega frontispico el prilaborita ŝtono, arta verko de granda arkitektura merito. En la Salono por Kunsidoj aŭ de Justeco, mirinda ĉizita seĝaro kontrastas kun la bildoj kie manifestiĝas ne nur la Justeco kaj la Leĝo, sed ankaŭ la komercista ruzeco. Dum interna ĉirkaŭiro de la konstruaĵo oni montris al ni la salonojn de la Prezidantaro, cizelitajn kaj tegitajn per valora ligno; en unu el tiuj salonoj estis akceptitaj la Reĝino de Britujo kun sia edzo dum sia ĵusa vizito al Porto. Kiel hispanoj ni finis la viziton en la Araba salono de la Borso. Malgraŭ nia kutimo admiri tiajn artajn manifestiĝojn, kiam ĝi estas lumigita oni ne povas eviti miresprimon antaŭ tiu eksplodo de lumo kaj harmonio.

Fine oni montris al ni la ekzistadkaŭzon de la konstruaĵo. Gia preĝejo, kompleta kurso de baroka arto en harmonia kunigo de altaroj kaj retabloj. Fininte la viziton ni restis tre kontentaj kaj jam sur la strato ni kunsentis kun tiu fama frazo, kiun mi diris je la komenco.

Logike en urbo aperta al la maro, ni vizitis la havenon kaj plaĝojn. Estis periplo tre agrabla por ĉiuj, kiel evidentiĝis per la malĝoja mieno de la gejunuloj, kiam revenante ni enveturis laŭ la bordo de Douro; kaj la ceteraj kore ni malĝojis kun ili.

Interŝanĝo de adresoj, donacetoj kaj adiaŭoj. Denove la gajeco regis ĉiujn, ni sciis pri la baldaŭa renkontiĝo en Vigo.

Ĝis baldaŭa!

Post la vespermanĝo la nelacigeblulo j preparis kaj realigis viziton al la Palaco el Kristalo, nokta belvedero de granda perspektivo kaj Atrakciejo, kie la gejunuloj deziris elspezi la antaŭlastajn eskudojn; la lastaj estis por pagi la taksiojn kiuj kondukis nin al la hotelo.

Ho! Juneco...!

Kun bedaŭro, la 20-an matene ni forlasis Porto-n, volonte ni estus plilongigintaj nian restadon dum kelkaj tagoj. Kiel dirite ni kunportis la promeson de la portugala alesto al Vigo, kaj... ankaŭ la amikecon de niaj samideanoj kaj la afablecon de ilia atentemo.



En ripoziga halto la fotilo laboras por kapti la grupon de geekskursantoj.

De Porto ĝis la hispana limo ni veturis sur la ŝoseo laŭlonge de la marbordo, ni traspasis Viana Do Castelo, kiu aspektas kiel tre progresema urbo.

Alveninte al la landlimo kaj plenuminte la doganajn formalaĵojn ni pluveturis tra Tuy kaj Porriño ĝis Vigo, kien ni alvenis tagmeze, kaj kie ni loĝis en Hotel Lisboa, tre proksime al la Kongresejo.

Nian ĉeeston en Vigo mi ne komentas ĉar F-ino Gastón tion faras en sia raporto pri la Kongreso. Mi nur deziras aldiri —kiel partopreninto en turisma ekskurso nian dankon pro la bona organizado de la Kongreso kaj pro la belegaj ekskursoj programitaj, kiuj permesis al ni ĝui ne nur la belecon de la pejzaĝo sed la morojn kaj afablecon de la galega popolo.

La 26-an matene ni komencis la revenon. Je la oka, S-ro Pousa Veloso, nelacigebla Sekretario de la Kongresa Komitato estis en la hotelo por adiaŭi nin. La Kongreso estis finita sed la persona amikeco restas viva.

Mallonge haltinte, ni alvenis posttagmeze al Ponferrada kie ni tagmanĝis kaj ripozis. Kvankam ni trapasis León, bedaŭrinde ni ne povis viziti la urbon; tiun tagon la vojo estis longa kaj la tempo rapide pasas. Alveninte al Palencia, post loĝiĝo en Hotel Jorge Manrique, tuj post la vespermanĝo ni eliris por rondiri la urbon kaj kvankam nokte, viziti ĝin gvidate de tiuj, kiuj en la jaro 1965[a] partoprenis la Hispanan Kongreson okazintan en tiu urbo.

La 27-an, je la 9-a matene ni forlasis Palencia-n; nostalgie ni trapasis Valladolid-on kaj daŭrigis la veturon al Zaragoza. Ĝi estis la sama vojo kiun ni laŭiris antaŭ dek tagojn, sed inverse. Survoje ni haltis nur por ion trinki, la vetero estis varma...

Alveninte al Soria kaj tuj post la tagmanĝo ni vizitis la urbon. Oni diras ke Soria estas la urbo de la romanika stilo kaj ili pravas. Ni trairis la urbon tra diversaj stratoj, en la antikvaj kvartaloj ni vizitis malnovajn preĝejojn apartenantajn al la plej pura romanika stilo; mallarĝaj stratoj en kiuj la domoj konservas sur siaj muroj grandajn ŝildojn kiuj alte parolas pri heroaĵoj de tiu historia urbo... sed apud tiom da veraj monumentoj ni ankaŭ ekkonis la progreseman urbon kun modernaj konstruaĵoj kaj larĝaj avenuoj. La Parko, kie staras la plej dikaj ulmoj kiujn ni iam vidis, invitas al ripoziga meditado. Sur unu el tiuj ulmoj, je dumetra alteco proksimume, oni fiksis plankon sur kiu ludas la muzikistaro.

La tempo pasis kaj la aŭtoĉaro atendis nin por reveni al Zaragoza, kie ni alvenis je la 8-a vespere. Kaj kune kun nia alveno al Zaragoza, alvenis la momento de la disiĝo; niaj francaj gesamideanoj kaj parto de la katalunaj, la sekvantan tagon daŭrigis la revenvojaĝon al siaj hejmoj, sed nia adiaŭo estis: —Ĝis venontjare.

Ĉu okaze de la Universala Kongreso de Esperanto en Jugoslavio?

*J. Bielsa*



Revene de la Kongreso.

*Jen ĉi-sube la dua rikolto kolektita el diversaj periodaĵoj de Esperantujo. Certe vi ne plenigos per ĝi vian grenejon, sed kion fari, se la produktanta grundo apenaŭ donas fruktojn taŭgajn por ĉi tiu rubriko?*

Pri la Esperanta faŭno sprite traktas Henri Vatré en SVISA ESPERO, junio 1972:

"Plej komuna estas la krokodilo, kiu sin esprimas nacilingve en esperantista medio. Malpli konataj kaj pli specifaj estas tri aliaj tipoj de la sama familio renkonteblaj en kongresoj:

a) *la kajmanoj* uzas alian nacilingvon ol tiun de la enlandanoj, ekzemple la anglan inter francaj esperantistoj.

b) *la aligatoroj* dialogas en nacilingvo negepatra por ambaŭ parolantoj, ekzemple dano kaj ruso konversacias hispane dum E-kongreso.

c) *la gavialoj* parolas lingvon nekomprenatan de la ĉeestantoj, ekzemple Esperanton inter... (nu, ni neniun ofendu!)

Alia fenomeno floranta en Esperanto estas *la talpismo*... la *talpo* estas subfosanta, miopa besto, imuna kontraŭ kritikoj."

Efektive, kiam en Esperanta societo multiĝas la krokodiloj kaj ilin komencas manipuli unu du talpoj, tiam la societo falas en la stagnadon kaj en la pereon.

---

La redaktoroj de la germana gazeto *Die Rheinpfalz* estas aŭ grandaj ŝerculoj aŭ posedantoj de senlima fantazio, ĉar LA LIBERA ESPERANTISTO, n.º 133 de aprilo-majo-junio, informas, ke «en la malsanulejo de Neustadt/Weinstrasse, en februaro ĉi-jara estis kiel paciento filo de hispana cigano-reĝo. Laŭ cigana tradicio, multaj ciganoj troviĝis en la antaŭhalo de la hospitalo kiel gvardio. La gazeto *Die Rheinpfalz* de 19-2-72 laŭvorte skribis: 'Inter si la viroj kaj virinoj konversacias hungare aŭ Esperante. Fiera pri tio, juna cigano opinias: —Esperanto estas monda lingvo, ni ĉiuj scipovas ĝin.'»

Nu, kiam mi vidos hispanan ciganon paroli hungare aŭ Esperante, tiam mi kredos, ke la mondo havas formon de kork-tirilo, aŭ ke ĉiu virino posedas sep orelojn. Bedaŭrinde, tiaĵon reproduktis ne nur LA LIBERA ESPERANTISTO, sed ankaŭ aliaj laŭŝajne saĝaj Esperantaj periodaĵoj.

ESPERANTO CONTACT en la angla kaj LA LINGUA INTERNAZIONALE en la itala estas imitindaj modeloj de informado pri Esperanto inter la ĝenerala publiko de la respektivaj landoj. Kiam aperos en la hispana io simila por la hispanparolanta mondo?

En INFORMILIO DE INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO en Wien, aŭgusto 1972, D-ro K. Beckmann skribas:

«Estas eraro, ke per la nura uzado la planlingvo (aŭ iu ajn nacia lingvo) fariĝas pli fleksebla, pli riĉa. Kontraŭe, fleksebla ĝi estas denaske, en sia origino, antaŭ la uzado, kiel la korpo de juna infano. Per la uzado ĝi tendencas fariĝi malpli kaj malpli fleksebla, eĉ rigida, kiel homa korpo maljuniĝinta dum longa vivbatalo, ĉar la ordinaraj uzantoj de la lingvo imitas unu la alian en sia esprim-maniero, kio estas metodo multe pli komforta ol la peno en ĉiu parolmomento mem konstrui la bezonatan esprimon el la disponeblaj lingvaj elementoj. En la ĵus karakterizita senpense imita maniero ne nur formiĝas, sed bedaŭrinde ankaŭ fiksiĝas la tiel nomata lingvouzo, ofte kvankam malprave glorata. Certe, kelkgrade ĝi faciligas la parolon, kiel vojo batita de jam sennombraj piedoj, kaj tiel larĝa kaj firma faciligas la iradon sur nefamiliara tereno. Aliflanke, ĉiu libera, en la parolmomento nova kaj sendependa formita esprimo, ankaŭ se ĝi estas perfekte korekta kaj facile komprenebla, frapas la alparolitojn, ĝenas ilin kiel nekutima, do nekonvena, eĉ nekorekta.»

«La tirana kutimo, la konservema pensmaniero de la amasoj rifuzas ĉion nekutiman, kontraŭstaras tian liberecon. La larĝa vojo de nia bildo en sia ori-

gino libere elektita fariĝis deviga. Akompanas ĝin kvazaŭ minacaj tabuloj kun la skribo: "Malpermesite forlasi la markitan vojon." Ni kompatas la turiston, ni kompatu ankaŭ la migranton tra la lingva pejzaĝo. Tio estas la stato de la naciaj lingvoj, speciale ankaŭ de la angla, kun iliaj multegaj devige fiksitaj parolturnoj kaj esprim-manieroj, kiuj servas la neageman komforton de la naciaj parolantoj, sed en sama mezuro ĝenas la alilingvanon, malfaciligante al li la ellernadon. Eviti la establiĝon de tia deviga lingvouzo estas unu el la plej gravaj taskoj de la esperantlingva literaturo, precipe de ĝia beletro.»

Ŝajnas, ke la faktoj ne respondas al la asertoj de D-ro Beckmann. La lingvaĵo de la unua literatura monumento hispana, "El Cantar de Mio Cid", estas ankoraŭ kruda, rigida, balbutanta, kaj nur post senĉesa uzado kaj pliriĉiĝo laŭlonge de la jarcentoj, ĝi fariĝis plene fleksebla kaj plej taŭga instrumento en la manoj de Cervantes kaj poste de, por ekzemplo, Galdós, Lorca, Ortega y Gasset. Aserti, aliflanke, ke la angla de Chaucer estas pli fleksebla ol la angla de Joyce, laŭ la teorio de D-ro Beckmann, estus defendi vidpunkton malfacile pravigeblan.

En ĉiuj lingvoj, eble pro la naturo mem de la homa intelekto, manifestiĝas la sama tendenco al kliŝiĝo de la ideoj, kaj ankaŭ Esperanto ne povas eskapi de tia ĝenerala fenomeno. Abundo de kliŝoj en nia lingvo ne estus per si mem danĝera, se nur oni klopodus krei ilin surbaze de internaciaj formoj aŭ de internacie komprenataj esprimoj, kio apenaŭ okazas, por ekzemplo, en la angla.

La fakto, ke multaj, eĉ spertaj, esperantistoj balbutas en nia lingvo kiam ili devas tuŝi temon ne familiaran, parte ŝuldiĝas al tio, ke ili sentas la mankon de jam pretaj kliŝoj en tiu difinita temo kaj klopodas improvizi 'logikajn' sinonimojn dum ili parolas. Ĉu 'Esperanta Proverbaro' de Zamenhof mem ne estis la unua konscia provo, eminente brila kaj sukcesa, de kliŝigo de pensoj kaj ideoj? Por iel redoni en Esperanton la lingvaĵon familiaran, esprimoriĉan, popolan de la idiomoj naciaj, ni bezonas ankoraŭ multe da idiotismoj kaj kliŝoj, ne enigmaj kaj absurdaj, kiaj ili estas pliparte en la diversaj lingvoj, sed internaciece konstruitaj. Nia genia Kalocsay certe deziris ŝtopi tian breĉon, kiam li komencis sian imponan 'Domfabriko', volumon ankoraŭ preparatan, kiu enhavos milojn da frazeologiaj kliŝoj.

---

Mi ne scias, de kie oni prenis la modon enmeti inter la "programerojn" de Esperantaj kongresoj la fermon kaj malfermon de giĉetoj, kvazaŭ ankaŭ ili estus vidindaj spektakloj, aranĝoj aŭ solenaĵoj. Se ni lasus nin influi de tiel stranga modo, baldaŭ ni vidus en la programoj ankaŭ la fermon kaj malfermon de pordoj kaj eĉ la horon de apero kaj malapero de la suno.

Ĉu ne sufiĉus simple indiki, komence aŭ fine de la ĉiutaga programo, ke la giĉetoj estos malfermitaj de la ...ĝis la ...horo? Ĉi tion mi proponas, leginte en HUNGARA ESPERANTISTO, n.° 67 de 1972, la programon de la jam okazinta Hungara Kultur-festivalo, kie troviĝas dek ses fojojn, kiel programeroj, la fermo kaj malfermo de giĉetoj.

---

STARTO, modest-aspekta organo de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio elstaras tamen pro sia lingvo kaj pro sia interesa enhavo. En la numero 3-4 de 1972, ĝi trafe indikas unu el la kaŭzoj de la nekontentiga, anemia stato de Esperanto:

«Dum la lastaj jardekoj la homa penso, la scienco kaj tekniko faris konsiderindan paŝon... Tamen la adeptoj de la internacia lingvo, batalantaj por la unika ideo de la internacia amikeco, ĉiam pli kaj pli aktuala, ankoraŭ ne malofte aplikas metodojn ne adekvatajn al la epoko de la scienca revolucio. El anakronismaj vidpunktoj de la 'pionira' periodo de Esperanto ili respondas demandojn de la progresinta 20-a jarcento. Kaj ne unufoje kun diletantismo de etiket-kolektantoj ili kuraĝas solvadi la seriozajn kaj komplikajn taskojn, kiujn amasigas ĉiutage la problemo de la internacia lingvo.»

Kaj nun, karaj amikoj, jam venas fino al mia latino. Ĝis la proksima rikolto.

*F. de Diego*

## * Ni legis por vi...

INFANOJ DE LA MALRIĈULOJ, de John A. Lee. Elangligo de Bertram Potts. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Parizo. Kovril-paĝa desegno de C. Farrant. Broŝurita, 272 paĝoj, 11 × 17 cm. Prezo: 210 ptoj.

Albany Porcello, protagonisto de ĉi tiu interesa romano, aŭtobiografie rakontas la disvolviĝon de siaj infanaj jaroj. La mizero neeviteble puŝas lin kaj lian familion en la inferon de la eksterleĝa vivo, kaj dum Albany ŝtelas, lia juna fratino sin prostituas por tiel kontribui al la subteno de la hejmo. Sentiva kaj inteligenta, Albany des pli dolore apertas la indiferenton kaj la kruelon de la socio, kiu fride ignoras la neces-bezonon de la mizeruloj sed senkompate muelas ilin, kiam, puŝitaj de la malespero, ili ribelas kontraŭ la premo de la arbitroj kaj konvencioj sociaj.

Tamen la libro ne estas senespere nigra kaj pesimisma. En bela kaj arte konstruita kontrasto, la aŭtoro, ŝpinante sian rakonton, delikate intervenigas la sorĉon, la magion kaj la naivon de la infanaj jaroj, kaj en la preme angora medio de la romano brilas la ĉarma freŝo de la interna mondo de Albany.

*Infanoj de la Malriĉuloj* havas precedentojn en la traduk-literaturo de Esperanto. Albany Porcello estas spirita frato de la Mikey de *Judoj sen Mono* (aŭtobiografia romano verkita en la anglan de Michael Gold kaj esperantigita de Georgo Saville) kaj de la Vaĉjo de *Genutrantoj* (novelo de la ĉeĥa aŭtorino Jirí Sumín, redonita en Esperanton de M. Jandlová, T. Mrázková kaj M. Zíková). La cirkonstancoj, en kiuj disvolviĝas la vivoj de Albany, Mikey kaj Vaĉjo, tre similas, kaj la leganto tuj komprenas, ke kvankam la tri infanoj miskondutis kaj deliktis, la vera kulpanto estas la socio mem.

Kion diri pri la traduko? Mi ne disponas la anglan originalon, do ne havas la okazon fari komparan studon rilate la sencan kaj stilan fidelecon de la Esperanta versio. Tamen jam de la unua linio oni klare vidas, ke Esperanto ne havas sekretojn por Bertram Potts. Li uzas naturan, fluan, tuj kompreneblan lingvon, en kiu ne mankas trafaj esprimoj kaj elegantaj dirmanieroj. Krome li klopodas eviti la uzon de neoficialaj radikoj, sed, laŭ mia tute persona sento, li allasas tro multe da "mal-vortoj", kiuj ie tie pezigas la stilon, kvankam grandan nombron da ili oni povus anstataŭigi per sinonimoj same apartenantaj al la oficiala radikaro. Por ekzemplo la titolo de la kvara parto: "La malgloro de malriĉo" eble vidiĝus pli natura, se oni ĝin ŝanĝus al "Hontiga mizero" aŭ al io simila.

Preskaŭ sisteme s-ro Potts uzas *kiu(j) ajn* kaj *kio ajn* eĉ en la okazoj, kiam *iu(j) ajn* kaj *io ajn* ŝajnas pli ĝustaj gramatike.

En la paĝo 141, linioj 18 kaj 19 legiĝas: "Tiel intense mi aŭskultis la tiktakon, ke tio ŝajnis tute foriĝi kaj poste reveni." *Ĝi* ŝajnas preferinda anstataŭ *tio*.

Pri kelkaj aliaj punktoj, tre malmultaj, de la traduko, oni povus diskuti, sed ne valoras trakti bagatelojn aŭ pedante harfendadi. S-ro Potts ricevu nur varman gratulon pro sia alt-merita laboro traduka kaj mi senhezite rekomendas la libron, ĉar per ĝi oni riĉiĝas lingve, kulture kaj spirite.

En la paĝo 11, linio 11, anstataŭ *iam* oni legu *kiam*. Temas pri unu el la malmultaj pres-eraroj troveblaj en la libro.

*F. de Diego*

AL TORENTO, originala romano de Stellan Engholm. Eldono, en ofseta represo, de Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoy, Danujo. Broŝurita, 96 paĝoj, 14 × 19,5 cm. Prezo: 110 ptoj.

Jen nova represo de "klasikaĵo", ĉifoje de verko de Stellan Engholm.

La iniciativo represi la verkojn de la Esperantaj klasikuloj feliĉe ne perdis sian elanon, kaj tion pruvas la ĝojiga reapero de *Al Torento,* kies lasta eldono datiĝas de 1934.

*Al Torento* estas delikata analizo de la sentoj kaj emocioj de juna, 16, 17-jara kampulo, kiu komencas prove palpe iri inter la problemoj kaj dilemoj, kiujn prezentas la socio kaj la amo al adoleska koro. Ĉeesti kaj rimarki lian spiritan maturiĝon donas veran ĝuon al ĉiu leganto, ĉar nepre kaptas tiun la talenta rakontarto de la karmemora Engholm.

La lingvo de la aŭtoro estas kristale klara, ankoraŭ modela eĉ post la paso de 42 jaroj, de kiam en 1930 aperis la unua eldono de *Al Torento.* La novaj Esperantistoj ĝuu la stilon sobran kaj elegantan de la sveda verkisto.

*F. de Diego*

# SEKRETARIA RAPORTO PRI LA LABORO REALIGITA DUM LA PERIODO EKDE LA UNUA DE JULIO DE 1971 ĜIS LA TRIDEKA DE JUNIO DE 1972

La Estraro de H.E.F., kiel en aliaj okazoj dum la naciaj hispanaj kongresoj de Esperanto, prezentas al la Ĝenerala Kunveno de H.E.F. por ĝia aprobo aŭ malaprobo pere de via aplaŭdo aŭ silento, la sekretarian raporton. Mi kiel en antaŭaj kongresoj devas fari la legadon. Legado kiu resumas la laboron de unu jaro. Laboro kiu en multaj momentoj ne povis rezulti pli efika pro manko de la oportuna helpo de la H.E.F.-anoj (ekzemple la neeblo de la eldono de la nova adresaro de H.E.F.), kaj de la monrimedoj kiuj estas necesaj. Helpo kiu konsistas el la kunlaborado de ĉiuj, kiuj konsistigas nian karan asocion.

Eble kelkaj H.E.F.-anoj konsideros ke ĉiam la estraranoj ripetas kaj ripetas la samajn vortojn kiuj koncernas la peton de helpo. Sed vi povas imagi ke la Estraro, kiel kapo de la Federacio, estas nenio se ĝi ne havas la konlaboron de la membraro.

Vere, ni povas prezenti ion, sed ĝi povus esti io pli, (kion la Estraro deziras: disvastigi tagon post tago la aplikon de la internacia lingvo en Hispanujo). Mi opinias ke ni povas prezenti al la Ĝenerala Kunveno ion belan kaj interesan, ke nia asocio estas forta kaj posedas ion kio estas tre necesa, ĝi estas la unuiĝo inter la personoj kiuj konsistigas la Federacion.

Nun, mi resumos la realigojn de la Estraro dum tiu ĉi jaro.

Dum la decembra monato, laŭ la decido de la Ĝenerala Kunveno en Alicante, la Estraro sendis al la membroj de H.E.F. balotilojn por elekti novajn estraranojn. La rezultoj estas konataj. Sro. Devís Calpe estis reelektita kaj Sro. Juanes Sainz estis nomita por okupi la postenon de S-ro Otaola Faón.

Pri la afero de la Esperanta Antologio, la Estraro komunikas ke Fino. Núñez Dubús daŭrigas la laboron prepari la necesan materialon.

Kiel ĉiuj membroj de H.E.F. scias, finfine la Federacio povis aĉeti ejon por instali la Centran Sekretariejon. Sekretariejo kiu estas nun hejmo de la hispanaj geesperantistoj kaj efika instrumento por disvastigi la lingvon kaj akceli oficialajn rilatojn kun la hispanaj aŭtoritatuloj kaj informaj fakoj. Ankaŭ la Sekretariejo simbolas reprezentaĵon de nia kara idealo. Sed vi devas pripensi ke la sukceso posedi propran ejon en la ĉefurbo, ne estas nur sukceso de la Estraro, tute kontraŭe ĝi estas sukceso de la membraro kaj pro tio ĉiuj havas la moralan devon kontribui ĝian ekonomian subtenon.

Antaŭnelonge la Estraro petis al la Ministerio pri Edukado kaj Scienco subvencion por helpi la pagon de la Sekretariejo. Bedaŭrinde la Ministerio respondis ke en ĉi tiu momento ne povas apogi ekonomie nian laboron. Tio ne signifas ke en la proksima jaro la Federacio ne povos atingi la necesan ekonomian helpon de la Ministerio.

En la nova sekretariejo de H.E.F. dum la pasinta akademia periodo oni organizis elementan kurson de Esperanto kun bona rezulto. La Estraro konsideras utile daŭrigi tiun provon en la estonteco.

Dum ĉi tiu jaro, oni sendis cirkuleron rilate aferojn kiuj laŭ opinio de la Estraro havis specialan intereson.

Rilate informadon pri Esperanto oni povas resumi la aferon tiel:

Ni konsideras ke malfeliĉe, ni ne havis grandan sukceson en la lasta periodo, same kiel okazis rilate la Ministerion pri Edukado kaj Scienco. Ĝi estas afero kiun ni devas rekoni, kaj agi efike por plibonigi la nunan staton.

Tamen, dum la XXXI-a Hispana Kongreso en Alicante la Televido kaj la Gazetaro faris bonan propagandon. Multaj artikoloj aperis en la ĵurnaloj pri tiu evento. Plie, la Estraro ricevis de hispanaj grupoj kaj de aliaj samideanoj sciigojn kaj artikolojn pri la Esperanta Movado en la respektivaj urboj kaj regionoj. Mi, nome de la Federacio dankas la penon de tiuj samideanoj, ĉiam pretaj helpi la Asocion kaj antaŭ ĉio la disvastigon de la Lingvo. Ankaŭ la Estraro sendis al la ĵurnaloj kaj al la Radio notojn pri la agado de la Federacio sed malmultaj aperis.

En la monato januaro "Radio Popular de Madrid", intervjuis la Sekretarion dum 15 minutoj; kaj ankaŭ la Televido faris du intervjuojn al la Prezidanto kiuj poste ne aperis, eble pro teknikaj kaŭzoj, same kiel okazis rilate la aranĝon de la esperantistoj de Cheste.

Aliaj realigoj de la Estraro en la lasta jaro estis:

En la tago de Zamenhof aranĝis paroladon de la Profesoro Félix Díez Mateo.

La Estraro redaktis provizorajn normojn por la organizado de la hispanaj kongresoj de Esperanto, laŭ peto de kelkaj lokaj kongresaj komitatoj.

Ankaŭ la Estraro, laŭ aprobo de la Ĝenerala Kunveno starigis provizore la kotizon de la nova kategorio de membro (DUMVIVA), kiu estas 5.000 pesetoj. Ĝis nun kvin membroj de H.E.F. aliĝis kiel "Dumvivaj membroj".

Dum la jaro, 75 novaj personoj aliĝis al la Federacio. Tamen pro diversaj kaŭzoj eksiĝis 40.

Nun, mi resumos la agadon de la diversaj sekcioj kaj servoj de la Federacio.

BOLETIN: Nia bulteno, oficiala organo de H.E.F., efike direktata de Fino. Inés Gastón, aperis ĉiam regule, kiel en aliaj jaroj. Ŝia efiko ne bezonas komenton. En ĉi tiu jaro la kunlaborado kun la hispanaj grupoj de Esperanto estis pli forta. La Estraro, kiel Fino. Gastón esprimis en la marta-aprila numero de "Boletín", dankas la kunlaboradon de tiuj kiuj helpas en la redaktado.

FERVOJISTA SEKCIO: Dum la jaro 1971 kaj en la unuaj monatoj de 1972, la sekcio havis konstantan aktivecon: ĝi faris kursojn de Esperanto por fervojistoj en la "Asociación de Ferroviarios de Madrid", ĝi gvidis elementan korespondan kurson en kunlaborado kun "Club de Amigos de la Unesco" de Barcelona, por fervojistoj kiuj loĝas en urboj aŭ urbetoj en kiuj ne ekzistas centroj por lerni la internacian lingvon. La Grupo de Barcelona faris kulturajn vizitojn kun la grupoj de Esperanto de Barcelona, Sabadell, Tarrasa, al urbo Ripoll kaj dum la vizito oni prezentis ekspozicion pri Esperanto kun diapozitivoj; kaj organizis "Kulturan Semajnon" en la urbo Cornellá. Reciproke multaj samideanoj hispanaj kaj eksterlandaj vizitis la grupon. En la monato Oktobro vizitis la Centron la kasisto de I.F.E.F., Sro. Walder.

La rilatoj kun R.E.N.F.E. estas bonaj kaj en perfekta kunlaborado.

La Sekcio partoprenis en diversaj kongresoj: la XXXI-a Hispana Kongreso de Esperanto en Alicante, la 56-a Universala Kongreso de Esperanto en Londono, la 24-a Internacia Kongreso de Fervojistoj en Lugano kaj en aliaj renkontiĝoj.

Fine, mi devas anonci la provizoran akcepton de Hispanujo kiel sidejon de la 26-a Kongreso de I.F.E.F. en 1974.

HISPANA ESPERANTA AŬRORO: Frukto de la laboro de la Sekcio estas la aperado de la brajla gazeto en Esperanto "Sukceso", kiel informa organo de la grupo de blindaj hispanaj esperantistoj, kun la helpo de la Nacia Organizaĵo de Hispanaj Blinduloj, (O.N.C.E.). Oni plu disvastigas la internacian lingvon inter la hispanaj blinduloj pere de la koresponda kurso. Por la plej bona kono de la lingvo, oni organizis la Fonotekan Servon, kiu kompletigas la servon de la Brajla Biblioteco. Por fari la agadon pli efika kaj fortikigi la kunlaboradon kaj unuiĝon inter la membroj de H.E.A. oni kreis kelkajn fakojn pri diversaj aferoj.

JUNULARA SEKCIO: Kiel vi scias oni daŭrigis la eldonon de la Bulteno kiu estis plibonigita je la formato, artikoloj, fotoj, k.t.p. Oni kontaktiĝis al kelkaj sinjoroj por intenci subvencii parton de la revuo, pere de anoncoj, sed ankoraŭ estas nenio certa. Oni projektis fari ekspozicion de bildkartoj, fotoj kaj poŝtmarkoj, sed ĝis nun la sekcio ne povis fari ĝin pro la malaltaj financoj de H.E.J.S.

La Prezidanto kaj la Sekretariino gvidis la lastan novan kurson en la Grupo de Bilbao.

Kelkaj H.E.J.S.-membroj de Bilbao komencis antaŭ tri monatojn, propagandon por Esperanto en lernejoj, mezlernejoj, akademioj, ktp. kiu ĝis nun havis tre bonan rezulton. Kelkaj H.E.J.S.-membroj de Bilbao partoprenas la Kongreson en Vigo kun novaj ideoj por disvastigi la H.E.J.S.-movadon kaj in-

teresigi ĉiujn junajn gepartoprenantojn pri la Sekcio.

HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO: Dum 1971, kaj en la unuaj monatoj de 1972, la esperantista agado de la Sekcio daŭrigis sian konstantan laboron laŭ la plano programita.

Dum la jaro, la Sekcio en kunlaboro kun la francaj samideanoj, organizis kaj efektivigis la Francan-Hispanan Esperantistan Renkontiĝon en la "Peña San Martín" (franca kaj navarra landlimo).

Ankaŭ ĝi organizis kaj efektivigis komunan flugvojaĝon al Londono, okaze de la 56-a Universala Kongreso de Esperanto, kun vizito al Parizo, kie la kunvojaĝintoj kontaktiĝis kun tieaj geesperantistoj. Dum 1971 la Sekcio ricevis la viziton de esperantistoj el Danlando, Francujo, Svisujo, Japanujo, Usono, Germanujo kaj Nederlando, kaj la Sekcio havigis informojn pri feriaj lokoj en Hispanujo kaj vojaĝplanojn al esperantistoj el plej diversaj landoj kiuj laŭdire, intencis ferii en nia lando.

Okaze de la 4-a Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazinta en Pau (Francujo, en la monato majo 1972, la Sekcio organizis kaj efektivigis aŭtobusan vojaĝon al Pau por partopreni en tiu evento. Pri la sukceso de ĉiuj aranĝoj, vi estis informitaj pere de la raportoj en "Boletín".

La kunlaboro en la organizado de ekskursoj kun la Delegacio en Zaragoza de firmo MELIA, faciligas la laboron tiurilate kaj estas garantio de sukceso en la efektivigo.

La Estraro de H.T.E.S. daŭrigas siajn kontaktojn kun la Ministerio kaj esperas plenumi la taskon por kio la Sekcio estis kreita.

KASO: Pri tiu afero la kasisto raportos poste.

KORESPONDA KURSO: Dum la pasinta kurso ĉi tiu servo direktita de S-ro Ramón Molera senĉese laboris por disvastigi la lernadon de la Internacia Lingvo. Kelkaj dekoj da novaj gelernantoj aliĝis, kelkaj ankaŭ finis la studadon kaj ricevis la koncernan diplomon.

Oni respondis preskaŭ tricent-petojn pri informoj koncernaj al Esperanto kaj ĉiuj demandinto ricevis oportunan respondon.

Inter la gelernantoj, kelkaj el Kubo profite sekvas la kurson.

Ni kore petas al ĉiuj H.E.F.-anoj, bonvolu disvastigi kaj konigi la kurson per korespondado, ĉar la rekta informado estas la plej efika.

ELDONA FAKO: En la marta-aprila numero de "Boletín", la fakestrino prezentis la resumon kaj komenton rilate la rezulton de la fako dum ĉi tiu jaro.

LIBRO SERVO: Ankaŭ en la marta-aprila numero de "Boletín", aperis la resumo de tiu ĉi servo, en la unua duono de la lasta periodo. Nuntempe, kiel ĉiuj scias, la Servo translokiĝis al la nova Centra Sekretariejo de H.E.F. en Madrid. Nun, mi devas danki kore kaj gratuli al Fino. Gastón pro ŝia efika agado dum kelkaj jaroj. Korajn Dankojn. Ankaŭ, kiel ni diris en la pasinta Ĝenerala Kunveno, ni rekomendas al ĉiuj ke ili legu kaj aĉetu librojn, ĝi estas bona kaj efika maniero helpi la Federacion.

FONDUSO ESPERANTO: Du fojojn kunvenis en ĉi tiu jaro la Fonduso Esperanto, kaj kiel vi scias pere de "Boletín", kelkaj lertaj H.E.F.-anoj gajnis la konkurson de la pasinta jaro, pri la verko de Azorín "Los Pueblos". Ankaŭ mi devas informi ke en la Maja-Junia numero de "Boletín", aperas alvoko por la nova konkurso (Premio Casanovas-Ferrándiz). La Patronaro de la Fonduso decidis organizi konkurson por premii la esperantist(in)on kiu plej sindone kaj kun plej bonaj rezultoj sin dediĉis lernigi Esperanton. Ankaŭ ni devas informi ke la Fonduso jam havas la memorigan medalon kiun vi povas aĉeti. La Fonduso Esperanto pro siaj altvaloraj celoj meritas la ekonomian helpon de ĉiuj.

Mi finas ĉi tiun raporton rememorigante al ĉiuj ke dum ĉi tiu periodo oni donis la nomon Esperanto al novaj stratoj en Hispanujo, kaj aperis novaj verkoj en Esperanto; mi dankas tutkore la helpon kaj bonvolemon de multaj samideanoj kaj profitas la okazon por saluti ĉiujn tutkore.

*Manuel Figuerola Palomo*
Sekretario de Hispana Esperanto-Federacio

# Kaj . . . NUN! LERNU ESPERANTON!

Lernolibroj internaciaj kaj por hispanlingvanoj:

| | | |
|---|---|---|
| Compendio de Esperanto para adelantados, Quarello | 195,— | ptojn. |
| Curso práctico de Esperanto, F. Szilágyi (adaptis por hispanlingvanoj J. Hess) | 70,— | " |
| Decidaj argumentoj, Mimó | 15,— | " |
| Du malsanoj en Esperanto, Hoog | 84,— | " |
| El hombre en su camino (2-lingva krestomatio), Fernández Menéndez | 180,— | " |
| Elementos de Esperanto, Soler | 10,— | " |
| Esperanto al alcance de todos, Soler | 50,— | " |
| Esperanto la lingvo internacia, Walter | 98,— | " |
| Esperanto laŭ metodo Friis (10 kajeroj) | 520,— | " |
| Esperanto por infanoj, Solomon | 36,— | " |
| Esprimo de sentoj en Esperanto, Privat | 39,— | " |
| Fundamenta Krestomatio, Zamenhof, k. a. bind | 252,— | " |
| Fundamenta prononco (gramofondisko japana) | 30,— | " |
| Fundamentaj reguloj de la vort-teorio en Esperanto, Saussure. | 75,— | " |
| Fundamento de Esperanto, 5-lingva, bind | 255,— | " |
| Gramática de Esperanto y vocabulario, Anglada | 40,— | " |
| ¿Habla V. en Esperanto?, Ergoto | 130,— | " |
| Iniciación al Esperanto, Crespo Cano | 100,— | " |
| Junulkurso Ilustrita, S.A.T. | 117,— | " |
| Junulkurso, S.A.T. 5 diskoj, 2-flankaj | 185,— | " |
| Ĵamborea lingvo | 50,— | " |
| Ĵamborea lingvo (gramofondisko) | 50,— | " |
| Internacia elparolo, 5 nacioj, gramofondisko kun multobligita teksto | 35,— | " |
| Laŭtema Vortaro, Ergoto | 210,— | " |
| La Zamenhofa Esperanto. (Simpozio pri ATA/ITA) H.A. de Hoog, D.B. Gregor, K. Kalocsay, S. La Colla, I. Lapenna, T. Nakamura, T. Pumpr, J. Régulo, R. Schwartz, E. Sonnenfeld, G. Waringhien | 210,— | " |
| Lernolibro de Esperanto, Mimó | 70,— | " |
| Konversacia Esperanto-kurso, Szilágyi | 80,— | " |
| Lingvaj respondoj, Zamenhof, kun komentario de Waringhien, bind | 150,— | " |
| Lingvo, stilo, formo, Kalocsay (3-a parte prilaborita eldono) | 115,— | " |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono, Bastien, bind | 150,— | " |
| Ne tiel, sed tiel ĉi! Faulhaber. (Pri stilo) | 85,— | " |
| Perfekta prononcado. Gramofondiskoj I - II, po | 60,— | " |
| Perfekteco de la Esperantaj verboj, Mimó | 50,— | " |
| Perfektiga kurso, (plena traktato pri la sintakso), Quarello | 350,— | " |
| Plena Gramatiko. Vol. II | 222,— | " |
| Primer manual de Esperanto (para catalanes) | 15,— | " |
| Privilegia Vojo, Setälä | 68,— | " |
| Paŝoj al plena posedo, W. Auld | 140,— | " |
| ¿Sabe V. Esperanto?, J. Hess | 60,— | " |
| Síntesis de Esperanto para principiantes, Quarello | 140,— | " |
| Unua lernolibro laŭ Zamenhof, (ed. Tamtamo) | 40,— | " |
| Diccionario Elemental, Esperanto-Español, Español-Esperanto, Tudela | 15,— | " |
| Lexicón Sopena, vocabulario esp.-hisp., hisp.-esp. (gramática alfabeto y pronunciación). Paluzie | 40,— | " |
| Katolika terminaro Esperanto-Español, J. M. Claramunt, Sch. P. | 28,— | " |
| Oportuna vortaro de ordinara Esperanto, Setälä, plaste bind | 68,— | " |
| Plena Vortaro de Esperanto | 280,— | " |
| Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto ($ 25 + 1,10) = | 1.825,— | " |
| Vocabulario Español-Esperanto, Tudela | 145,— | " |
| Zamenhof-radikaro, Wuster | 58,— | " |

LIBROSERVO DE H.E.F.

Federación Española de Esperanto, Rodríguez San Pedro, 13, 3.°. Desp. 7. MADRID - 8.

TIP. G. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. -375 - 63